XXV-a jaro. N° 345 (5) Monata Majo 1929

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

ENHAVO : 

## Esperanto kaj klasika Kulturo

Plej ofte la malamikoj de Esperanto troviĝas inter klasikaj filologoj kaj literaturistoj, kiuj rigardas ĝin kun iom da naŭzo. Tie kuŝas granda malkompreno, kiu postulas rebonigon. Vere ĝiaj plej simpatiaj amikoj devus esti logike ĝuste tiuj latinistoj, sanskritistoj kaj helenistoj, kiel estis iam Max Muller kaj estas nun Prof. Gilbert Murray, ambaŭ Oksfordanoj favoraj al Esperanto, ne forgesante la blankharan latiniston Mayor, kiu malkovris « *novan Pentekoston* » en la III-a Kongreso en Cambridge 1907 !

Vidu, kio okazas nun ĉie ? La bezonoj de l' moderna vivo postulas nepran lernon de fremdaj lingvoj. Sur tiu lerno oni povas ja bazi akiron de kulturo, sed la neceso praktika instigas pli al supraĵa lerno de pluraj ol al profunda studo de unu. Dume en ĉiuj gimnazioj estas rimarkinda la pli-kaj-plia forlaso de klasikaj fakoj por tiel nomataj « realaj » klasoj.

Nu, bonan vojaĝon ! Tion diros multaj, kiuj volonte ŝparos al siaj propraj infanoj la ŝvitadon pri latinaj deklinacioj aŭ grekaj verboj kaj sincere kompatas la malfeliĉan filinon, se apotekista ekzameno ŝin kruele devigas al iom da latina ! Ili preferas, pro « *realismo* », ke la gefiloj sciu ripeti kiel papago la samajn frazojn en kvar aŭ kvin fremdaj lingvoj.

Sed multaj aliaj tion bedaŭras. Ili opinias, ke tiu hotelpordista lernado, forigante ĉion alian, domaĝas la kulturon de la nacio kaj eĉ de la internacio, ĉar fine studo de la samaj antikvaj lingvoj estas unu el la komunaj bazoj de civilizo inter multaj nacioj. Ili taksas alte la spertojn de la grandaj popoloj, kiuj instruis al ni arton, leĝon kaj filozofion. Ili timas, ke la homaro kaj ĝia intelekta elito multon perdos se ili senigos sin je tiu valora fonto. En ĉiuj edukistaj rondoj, en gazetaro, eĉ en parlamentoj vi aŭdas la batalon inter klasikistoj kaj modernlingvistoj.

Kompreneble la klasikistoj konsideras la esperantistojn kiel la plej ekstremajn kaj malŝatindajn el tiuj modernistoj, kaj siaflanke la esperantistoj rigardas ofte la klasikistojn kiel malsaĝulojn blindajn je la realaj faktoj kaj eĉ revantajn ankoraŭ pri latina lingvo kiel ebla internacia komunikilo.

Nu, ambaŭ eraras. La veraj latinistoj ja scias tre bone ke oni ne refaras historion. La internacia uzo de la latina lingvo — siatempe tre utila — jam de longe ĉesis kaj, se oni devus nuntempe trudi ne nur al intelektuloj, sed al tutaj popoloj lernon de tiel malfacila lingvo por praktikaj celoj, ili certe preferus modernan, almenaŭ pli taŭgan por nunaj bezonoj. Eĉ hodiaŭ Esperanto estas jam multe pli uzata kaj uzebla ol la latina lingvo praktike (ekster pure ekleziaj aferoj) kaj ne senkaŭze la telegrafiaj administracioj modifis sian interŝtatan reguliaron por rajtigi Esperanton, krom la latina, en artikolo VII.

Nu, se tiu facila internacia lingvo estus instruata en ĉiuj lernejoj de la mondo, la tuta problemo praktika jam estus solvita kaj la postuloj de la vivbezonoj ne plu ludus la decidan rolon en la batalo inter klasikistoj kaj modernlingvistoj.

Tiam la tuta demando restus nur afero de elekto. Ĉiu restus libera bazi sian kulturon sur studo de modernaj lingvoj aŭ de klasikaj aŭ sur pli profunda studo de unu moderna kaj unu antikva lingvo laŭ intelektaj preferoj kaj ne sub premo de materia neceso. Eble venos tempo kiam la Okcidentaj studentoj pli grandnombre povos ĝui la mirindajn trezorojn de la sanskrita kaj araba lingvoj kaj pli senti sian parencecon kun oriento.

Ĉiuokaze la studo de latina kaj greka lingvoj en Eŭropo, sanskrita en Azio trovus novan liberecon por refloriĝi kun la tutmonda oficialigo de Esperanto. Sen ĝi la modernlingvistoj certe gajnos la batalon pro la forto de l' bezono. Kun ĝi la klasikistoj ragajnus ŝancon.

Anstataŭ batali aŭ reciproke levi la ŝultrojn moke, pli saĝe estus se Esperantistoj ĝentile klarigus tion al klasikistoj kaj se tiuj ĉi objektive aŭskultus. Ambaŭ trovos baldaŭ, ke ili havas seriozan kaŭzon amikiĝi por sukcesigi siajn idealojn. Ĝi ŝajnas aŭdaca paradokso, sed ĝi estas profunda vero, se oni nur pripensas iom.

Edmond PRIVAT.

# OKCIDENTO KAJ ORIENTO

## Lernanta Turkujo

La « ĝeneralofensivo kontraŭ la analfabetismo » nomiĝas la kolosa agado, komencinta tiujare en tuta Osmana regno. La « mobilizado » etendiĝas je ĉiuj personoj ambaŭseksaj inter 16 ĝis 45 jaroj. Divido en du kategorioj : 1). Sciantaj skribi kaj legi la araban skribon, sed ne konantaj la latinan, 2). Sciantaj nek unu, nek alian. Por la unua, la deviga kurso en la tielnomataj Naciaj lernejoj daŭras kvar monatojn, por la dua kategorio du monatojn. Miloj da tiaj lernejoj malfermiĝis en la tuta lando kun festoj, demonstracioj kaj kantado de la nacia himno kaj de la ...... himno al la latina skribo. Sinsekve la nombro de la lernejoj aŭ kursoj devos atingi 15.000. Unu miliono da personoj devos ellerni la skribadon kaj legadon. Direktas la tutan aferon Mustafa Kemal Paŝa, kiu akceptis la titolon de « Ĉefinstruisto ». Prezidantoj de la organizo estas la prezidanto de la Nacia Kunveno, la Ministroprezidanto, la ĉefo de la armea stabo kaj la Ĝenerala Sekretario de la Popola Partio. La inspektoroj de la Instruad-Ministerio kontrolas la plenumon de l'organiza regularo. Ĝi estas konsiderata kiel praktika kompletigo de la enkonduko de l' latina skribo, kiu siaflanke estas konsiderata kiel plej forta armilo en la lukto kontraŭ la analfabetismo.

Ĉiuokaze la « Instrufronto » estas nun en la centro de la publika intereso. Tion konfirmas ankaŭ la fakto ke la ministro-prezidanto Ismet Paŝa akceptis mem la postenon de la instru-ministro, vakanta pro la morto de Neĝati Bej. Oni rajtas esperi, ke tio koncentrigos la fortojn ĝis nun ne sufiĉe kunigitajn. La grandaj datoj en la modernigo de la turka lernejo estis la leĝoj de 1924 kaj 1926, kiuj fermis la « medresojn » laikigis la lernejon kaj stipulis la principon de la unuforma elementa lernejo. La konstrua agado koncentriĝis nun ĉefe sur la fundamento de la popola klerigado, la elementaj lernejoj. Sur la kampo de la mezaj kaj altaj lernejoj la nuna Turkujo ne akceptis malbonan heredaĵon de la antaŭa reĝimo. Jam el praktikaj kaŭzoj la zorgado pri la sciencoj trovis ĉe la unuaj sultanoj grandan atenton. Solimano IIa (1520-1566) kreinte la « medresojn » starigis fakte nenion alian ol universitaton. Krom la juĝistoj, akompanantaj la armeojn, li bezonis kuracistojn kaj inĝenierojn kaj ili instruiĝis en la medresoj apud teologoj kaj juristoj. Lernejoj kiel Mulkien kaj liceoj kiel tiu de Galata- Serai en Konstantinopolo formis ne nur distingindajn ŝtatistojn sed ankaŭ scienculojn de eŭropa tipo. Ekzistas universitato en Konstantinopolo kun 200 profesoroj kaj pli ol 1500 studentoj. Kompletiĝas nun ankaŭ universitato en Angora. Plie ekzistas alta normala lernejo en Konia, komerca kaj inĝeniera lernejoj, Belarta Akademio, institutoj por geografio, historio, antropologio, turkologio, fiziko kaj kemio ĉiuj en Konstantinopolo. Tiu-ĉi urbo restas la granda intelekta centro turka kien direktiĝas daŭra fluo da lernemuloj.

La antaŭa programo de la turkaj mezlernejoj estis radikale ŝanĝita en la respubliko. Forigita estas la instruado religia kaj okupas unuan lokon, la instruado pri matematiko kaj naturaj sciencoj. Multokaze la lernejoj havas profesian karakteron. Sed oni ankoraŭ ne povas paroli pri firma programo lerneja. Ĉio fluas, ŝanĝas ĉiujare kaj sekve kreas malfacilaĵojn al lernanto kiel al instruisto. La instruistoj plendas pri ne sufiĉa diligenteco kaj precipe la sporto, kiu absorbas ĉiun intereson de la lerneja junularo. Ĉiuj korpaj punoj estas forigitaj. Dumtempe ekzistas en Turkujo 88 mezlernejoj en kiuj instruiĝas 17.875 lernantoj kaj 1586 lernantinoj instruataj de 1636 instruistoj kaj 138 instruistinoj. La instrudaŭro estas ses jaroj.

Revolucian ŝanĝon travivis la elementaj lernejoj. La instruado de l'Korano, okupinta pli frue la tutan aŭ preskaŭ la tutan tempon, limiĝas je unu horo po semajno. Turka lingvo, kalkulado, geografio kaj turka historio estas la ĉefaj fakoj. La lerndaŭro estas kvinjara. La deviga instruado jam ekzistas laŭleĝe sed ankoraŭ ne plene efektiviĝis ĉie. La nombro de la elementaj lernejoj tamen kreskis al la duoblo de tiuj antaŭ la milito. Instruiĝas nuntempe 300.000 knaboj kaj 73.000 knabinoj en samaj klasoj. La nombro de lernejoj estas 5.729, tiuj de la instruistaro 10.000 kaj 2.600 instruistinoj. Laŭ tio nur 30 % proksimume de la lerndevaj infanoj ricevas instruon, la tuta nombro de tiuj estas pli ol unu miliono. La ĉefa malhelpo por rapida disvastiĝo de la instruado estas la manko de instruistoj. Por forigi tion, kreiĝis aro da instruistaj lernejoj. Laŭ la takso de la ministro oni bezonas tridek jarojn laŭ tiu-ĉi skalo ĝis ekzistos personaro sufiĉa por efektivigi la ĝeneralan lerndevon.

Aldone al la Naciaj lernejoj pri kiu oni raportas ĉe la komenco, la instrua ministerio entreprenas nun ĝeneralan agadon por sukcesigi la leĝon pri lerndevo dum daŭro de naŭ jaroj. Estas plimultigata la nombro de la porinstruistaj lernejoj. La enkonduko de la latina skribo donis fortan puŝon al ĉio. La intensa persona intereso kiun havas la novaj gvidantoj, Mustafa Kemal Paŝa kaj Ismet Paŝa al la instruado kaj ilia fera volo atendigas, ke tiu-ĉi puŝo efikiĝos. Ŝajnas tamen, ke la novturka lerneja movado, malgraŭ ĉia fervoro adaptiĝi al okcidenta civilizo kaj malgraŭ la naciema idealo, ne povas entute seniĝi je la araba kulturo. Restas la sento de malpleno, de vakuumo. La sento de certa senradikiĝo plifortiĝanta eble ankoraŭ, klarigas la fakton, ke en la kondukantaj rondoj oni intencas serĉi aliĝon al la radiko de la okcidenta kulturo la antikvan klasikismon kaj diskuti la enkondukon de latina kaj greka lingvoj en la instruadon.

Trad. H. J.

 **SOCIA VIVO** 

## La dogmaro de Monroe

DE LIANG ĈU VAJ

Konstante vi aŭdas pri la dogmaro de Monroe, eĉ menciita en la kontrakto de la Ligo de Nacioj. Neniu scias akurate pri kio temas, sed ĉiu deziras, ke ceteraj almenaŭ kredu, ke li scias. Ĉu ni kune traserĉu historiajn dokumentojn por fari al ni pli klaran ideon pri tiu fama usona dogmaro similanta grandan barilon ĉirkaŭ Ameriko ?

La ideo « Eŭropanoj, for la manojn ! » estas pli malnova ol Monroe mem. Ĝi kaŭzis usonanojn liberiĝi el angla regado kaj sudamerikanojn el hispana. Nu, depost la malvenko de Napoleono en 1813, la eŭropaj reĝoj formis la konatan « Sanktan Aliancon » kaj la amerikanoj ektimis, ke ili helpos Hispanujon repreni siajn eks-koloniojn.

Tiam la juna usona respubliko, jam duoncentjara, klare esprimis, ke ĝi tion ne permesos. En sia deklaro al la kongreso (Usona Parlamento) Prezidento Monroe asertis la 2 Decembro 1823 :

« En la militoj de eŭropaj potencoj pri aferoj koncernantaj ilin, ni neniam partoprenis kaj tion fari ne akordiĝas kun nia taktiko. Nur kiam niaj rajtoj estas ofendataj aŭ serioze minacataj, ni reagas aŭ preparas defendon.

De movadoj en tiu ĉi hemisfero ni necese estas pli rekte tuŝataj pro kaŭzoj, kiuj devas esti evidentaj al ĉiuj informitaj kaj senpartiaj observantoj. La politika sistemo de la Kunligitaj Potencoj estas pri ĉi tiu punkto esence malsama je tiu de Ameriko...

Ni do ŝuldas al verdiremo kaj al la bonaj rilatoj ekzistantaj inter Usono kaj tiuj potencoj deklari, ke ni konsiderus ian ajn provon de ili por etendi sian sistemon al iu parto de tiu ĉi hemisfero kiel danĝeran por nia paco kaj sekureco. La ekzistantajn koloniojn aŭ dependaĵojn de iu ajn eŭropa potenco ni ne tuŝis kaj ne tuŝos. Sed pri la registaroj kiuj deklaris sian sendependecon kaj tenas ĝin kaj kies sendependecon ni grande konsideras pro justaj rekonitaj principoj, ian ajn intervenon de iu eŭropa potenco por ilin subpremi aŭ iel ajn alimaniere regi ilian estontecon, tian intervenon ni ne povus rigardi alie ol kiel montron de malamikeco kontraŭ Usono...

Estas neeble, ke la kunligitaj potencoj etendu sian politikan sistemon al iu parto de la du amerikaj kontinentoj sen danĝerigo al nia paco kaj feliĉo. Ankaŭ neniu ajn povas ekkredi ke niaj sudaj fratoj, memvole konsentus akcepti tion. Estas do egale neeble, ke tian intervenon sub ia ajn formo ni rigardu kun indiferenteco ».

En la sama deklaro Prezidento Monroe asertis ke « La amerikaj kontinentoj, pro la libera kaj sendependa stato, kiun ili akiris kaj tenas, estas de nun ne rigardotaj kiel kampoj de estonta koloniado per iu eŭropa potenco ».

Jen la aŭtentika teksto de la dogmo. Ĝi estas klara. Kun la tempo la dogmo iom evoluis, kiel ĉio homa. Fariĝinte sukcesa garantianto de la sendependeco de sudamerikaj respublikoj kontraŭ eŭropaj intervenoj, Usono pli kaj pli sin konsideris kiel protektanto de tiuj novaj ŝtatoj.

Kiam Eŭropo definitive akceptis la dogmon kaj ne plu minacis Amerikon, Usono komencis protekti la sudajn fratojn kontraŭ iliaj propraj revolucioj kaj malordoj. Ĝi mem intervenis kaj enmiksiĝis en iliajn aferojn pro aŭ sen alvoko de unu aŭ alia partio.

Ankaŭ ian aŭ alian ekonomian kontrolon ĝi prenis kaj faris tion, kion ĝi malpermesis al eŭropaj potencoj. La dogmaro de Monroe « Ameriko al Amerikanoj » ekricevis iom ŝanĝitan koloron. Milde, sed ĉiam pli ofte, la sudaj respublikoj plendetis pri tio kaj organizis panamerikajn kongresojn por insisti pri la egaleco inter amerikaj respublikoj, nordaj aŭ sudaj.

En Usono mem multaj idealistoj same opiniis kaj kritikis la prezidantojn, kiuj ne sufiĉe respektis la sendependecon de sudaj aŭ centraj ŝtatetoj.

Kiam Eŭropo jam tute ne plus estis danĝero, sudamerikanoj renversis la rolojn. Anstataŭ rigardi Usonon kiel protektanton kontraŭ eŭropaj ambicioj, ili ekrigardis iomete Eŭropon kiel eblan protektanton kontraŭ Usona ekonomia vastiĝemo.

Tio okazis parte kiel rezultato de la foresto de Usono el la Ligo de Nacioj. Ĉiuj malgrandaj respublikoj de Sudameriko estas ties anoj. Ili scias tre bone ke eŭropaj potencoj ne kuraĝus sendi armeojn kontraŭ Usono por ilin protekti, sed ili ne malrigardas la moralan impreson el la kontrakto de la Ligo, kiu promesas solidaran garantion al la sendependeco de ĉiu membro-ŝtato.

Tamen en la kontrakto de la Ligo kuŝas iom maltrankviliga frazo pri « la regionaj interkonsentoj, kiel ekzemple la Monroe dogmaro, se ne kontraŭaj al la spirito de la kontrakto ». En la penso de prezidento Wilson, tio signifis ke, se okazus ia konflikto en Ameriko, la Ligo delegus ĉiujn siajn tieajn membrojn por apliki la decidojn kontraŭ la atakinta kulpulo sen ia bezono de eksteramerika interveno, escepte ekonomia kaj diplomatia.

Tamen tre malgranda respubliko Kosta-Riko deziris ricevi pli klaran lumon pri tio kaj ne volis pagi kotizon al la Ligo, se tiu ĉi ne formale deklaras, ke ĝi garantias sendependecon kontraŭ kies ajn interveno (legu : eĉ de Usono). Kiam tiu demando venis lastan jaron al Ĝenevo, la Konsilantaro de la Ligo estis embarasata. Se ĝi ne respondos klare, ne nur Kosta-Riko, sed ĉiuj aliaj malgrandaj respublikoj riskus forlasi la Ligon. Se ĝi respondos klare, usona publika opinio riskus ofendiĝi kaj vidi en la Ligo ian kontraŭ-usonan maŝinon.

Fine la respondo estis tamen kuraĝa, kvankam prudente redaktita. Ĝi deklaris solene, ke la protekta garantio valoras egale kaj senescepte por ĉiuj membroj ie ajn en la mondo kaj ke nenia ekstera konsidero rajtas malfortigi ĝin.

En Usono la impreso ne estis tiel malbona kiel oni timis en Ĝenevo. Unue la Usonanoj ŝatas la lojalecon kaj kuraĝon. Due la publika opinio pli kaj pli malaprobas agojn tuŝantajn la sendependecon de aliaj respublikoj. Tion sentas tre bone la nove elektita prezidento S-ro Hoover, kiu intence vizitis Sudamerikon kaj vidis tie kiom necesas iniciati tute novan manieron rilati kun tiuj kreskantaj hispanlingvaj nacioj por plene regajni aŭ konservi ilian fidon kaj amikecon.

Konklude, kio restas el la fama dogmaro de Monroe ? Ĝia pozitiva celo plene realiĝis : Eŭropo ne plu serĉas politikajn akirojn tie. Ĝia aliformiĝo ekhaltas. Usono de nun pli kaj pli rezignos je intervenoj sude. Nur ĝia negativa flanko restas efika : Usono daŭre malemas al partopreno en Eŭropaj disputoj. Ĝi rompis la dogmon en 1917, sed ne ŝajnas preta rekomenci kaj pro tio timas kvazaŭ fajron ĉiujn novajn okazojn, eĉ aliĝon al la Ligo pro la sekvaj enmiksiĝoj.

---

**NIAJ LEGANTOJ**

**bonvolu senkulpigi la prokraston en la livero de la gazeto, ŝuldata al malhelpoj en la presejo.**

**Kun la nuna numero estas sendata n-ro 32 de la Bulteno de l'Internacia Labora Oficejo.**

## Urbo kaj Kamparo en Francujo

de Ambroise Got (Strasburgo)

Konstatiĝas en ĉiuj Eŭropaj ŝtatoj la fugado el la kamparo kun pli malpli minaca evidenteco. En Francujo antaŭ nelonge estis publikigitaj la finaj rezultoj de l' censo 1926, kiuj refoje vidigas ke la malpliiĝo de la kampula loĝantaro progresas. Tiu malpliiĝo daŭras de antaŭ cent jaroj seninterrompe. Estas vere ke oni devas fari kelkajn rezervojn pro la oficiala difino de tio, kio en la statistiko estas nomata « kamparo » kaj kio — « urbo ». Ĉar en Francujo ĉiu komunumo, kiu entenas 2.000 personojn, jam klasiĝas kiel urbo, dum estas nombrataj kiel «kampularo » nur la loĝantoj de tiaj komunumoj, kiuj ne atingas tioman aglomeron. Sed evidente troviĝas ankaŭ kunamasiĝoj, kiuj longe superas la nombron 2.000, sed spite tio ili konservas ecaron nepre kamparan, kaj same evidente ekzistas aglomeroj malsuperantaj la decidan nombron por la oficiala statistiko, kies loĝantaro tamen esence konsistas el industriaj laboristoj. Tio ne estu malatentata.

La censo de la 1921, en kiu la provincoj regajnitaj estas enregistritaj, vidigis tutan loĝantaron da 39 209 518 personoj, el kiuj 20 205 992 loĝis en urboj kaj 21 004 526 en la kamparo. Kvin jarojn poste estis 40 743 851 loĝantoj, 19 984 720 en la urboj kaj 20 759 131 en la kamparo. Do, la kampuloj estis en 1921 ankoraŭ 53, 6 % de la tuta loĝantaro, kaj en 1926 nur 50,9 %. Tiu malpliiĝo estas fakte de antaŭ unu jarcento videbla. En 1846, la statistiko vidigis ankoraŭ 75, 6 % de la kampara loĝantaro.

Nun la statistiko ne montras sen pluaĵo ke la proporcia malpliiĝo de tio, kiun oni nomas oficiale kampula loĝantaro, signifas ankaŭ malpliiĝon de la kampkulture laboranta loĝantaro. Fidinde sciigos pri tio nur zorgema statistiko pri profesioj, kiu ankoraŭ ne aperis. Dume estas konstatebla nur, ke laŭ la statistiko 1921 la kampkulturanta loĝantaro, kun Alzaco kaj Loreno, entenis 8 951 000 homojn (sen ambaŭ provincoj reakiritaj 8 660 000), dum ĝi atingis en la jaro 1881 nur 7 855 000 personojn.

La pliiĝo de la urbanaro okazas pro la elmigrado el malgrandaj provincurboj, vilaĝetoj kaj vilaĝoj, sed de post la milito precipe pro enmigrado de eksterlandanoj, kiuj kompensis la perdojn de la milito. En 1921 oni nombradis en Francujo 1 550 459 alilandanojn, sed kvin jarojn poste preskaŭ milionon pli, nome 2 505 047. Hodiaŭ la censo sendube konstatus pluan altiĝon kaj eble enregistrus jam tri milionojn da fremduloj. Estas vero, ke granda aro da tiuj alilandanoj, precipe italoj ekloĝis en la kamparo ; en la sudokcidento de post 1922 ĉirkaŭ 42 000 italoj ekloĝis, el kiuj parto akiris tie teron, dum la ceteraj laboras kiel farmuloj. Al tiuj loksidaj kampuloj estu alkalkulata la granda aro da sezonlaboristoj, la eksterlandanoj, kiuj venas Francujon por rikolti grenon, betojn, linon kaj vinberojn kaj post la fino de la rikoltoj reiras hejmen. En la pasinta jaro oni provis ilin nombri kaj trovis 31 000 ; el kiuj 22 000 belgoj. Sed tiuj nombroj sendube malsuperas la efektivon. Ĉiuokaze la alfluo el la eksterlandaro nur nesufiĉe kontentigas la bezonojn de la franca kampularo. Laŭ oficialaj sciigoj la nombro de la disponeblaj kampokulturaj laboristoj estas je 60 000 ĝis 80 000 tro malgranda. Sekve la enmigra servo klopodas direkti al la kamparo la enmigrulojn, precipe polojn, ĉeĥoslovakojn, sudslavojn kaj hispanojn.

Rigardo al la statistiko de la urboj montras, ke la ekvilibro inter urbo kaj kamparo ĉiam pli malfavoras la lastan. En la grandaj, sed eĉ plie en la mezgrandaj urboj la loĝantaro senĉese plimultiĝis. Estas vere, ke Parizo mem en 1926 havis 35 000 malpli da loĝantoj ol kvin jarojn antaŭe, sed dum la sama tempspaco la antaŭurboj kaj la departemento Seine plialtiĝis je pli ol 200 000 homoj. En la jaro 1921 estis 15 urboj kun pli ol 100 000 loĝantoj, kvin jarojn poste ilia nombro atingis 17 kaj verŝajne la plej proksima censo vidigos jam 20.

Kelkaj ekzemploj montru la rapidan kreskadon de la urboj. En kvin jaroj plialtiĝis la loĝantaro de Marseille de 586 000 ĝis 652 000, tiu de Saint-Etienne de 167 000 ĝis 193 000, Nice de 155 000 ĝis 184 000 Clermont de 82 000 ĝis 111 000 kaj Reims de 76 000 ĝis 101 000.

La malutilo de la migrado el la kamparo en la urbojn, precipe ĝia fatala efiko je la politika ekonomio, estas konataj. Kvankam en Francujo la fakta kampara laboristaro, kiu statistike klare distingiĝas de la tuta kamparanaro, ne malplimultiĝas, ĝi tamen, kiel montras la alfluo de eksterlandaj laborfortoj, estas nepre nesufiĉa. Fakte Francujo malhavas tiom da necesaj laborfortoj, ke ĝia tero en kelkaj departementoj estas prilaborata de veraj fremdkolonioj, kiuj celas fariĝi posedantoj. La Italoj en la departemento Gers jam aĉetis 18 000 hektarojn, 3 % de la tuta teritorio ; en la Haute-Garonne apenaŭ malsamas. La fugo el la kamparo, la loĝiĝo de alilandaj kampuloj kaj la samtempa supreniĝo de la urboj estas aro da problemoj, por kiuj la franca registaro devas trovi solvon, eĉ se ĝi estos interligita kun grandaj malfacilaĵoj.

Esperantigis : EJUNA.

# En Afriko

## Blankuloj kaj nigruloj

*Nia gazeto estas plene neŭtrala rilate al politikaj aferoj, sed ĝi tute ne estas tia rilate al homaraj. Sekvante la deziron de D-ro Zamenhof, ĝi aparte interesiĝas pri ĉio, kio tuŝas la akcelon de plia interkompreniĝo inter rasoj, gentoj, nacioj. Tial ni klopodas raporti pri grandaj pensaj movadoj inter Oriento kaj Okcidento aŭ pri la kontaktoj inter nigra kaj blanka raso.*

---

Se la mondo volas eviti pli malfrue terurajn novajn batalojn per sango kaj perforto, estas memkompreneble necesaĵo kaj eĉ urĝaĵo, ke la blanka raso serioze ŝanĝu sian vidpunkton je la ceteraj kaj rezignu tiun sintenon de mastro al sklavoj. Pri tio ne estas eĉ iom da dubo.

Estas do ĝojige kaj montrinde, kiam aperas en literaturo de blankuloj iu aŭ alia verko simpatia al nigruloj en Afriko kaj penanta ilin juĝi kiel amindajn homojn kaj ne kiel komercaĵon.

En franca lingvo aperis jam talentaj literaturaĵoj de nigrulo S-ro René Maran, kiu tre vigle pentris la vivon de siaj samrasanoj en du fortaj noveloj *Batuala* kaj *Djuma*. La unua ricevis eĉ premion de l'beletristika libera akademio Goncourt. La dua ĵus aperis kaj mirinde priskribas, ne nur la pejzaĝon kaj impresojn el Afriko, lumoj, ombroj, sonoj, odoroj matenaj, tagaj aŭ vesperaj, sed la sentojn de la loĝantoj kaj ilian juĝon pri ni, blankuloj. Plej edukplene !

Aŭtentika Eŭropano kaj fama franca verkisto André Gide vizitis Kongolandon kaj raportis al ni siajn impresojn en du libroj *Vojaĝo al Kongo* kaj *Reveno el Ĉad*. Ankaŭ tie la leganto ĝuas kolorajn vidaĵojn, imagas arbojn grandegajn, belajn, noblajn, ekvidas bestojn, birdojn, insektojn zumantajn sub hejtema suno. Sed li aŭdas ion pli. Li aŭdas la koron de l'aŭtoro batanta pro la kompato al suferanta raso.

Kun doloriga surprizo la literaturisto ekvidis kian sorton faras lia raso al la alia, kian turmentadon trudas blankaj monserĉuloj al senarmaj viroj, virinoj, infanoj, persekutataj kiel hundoj, devigataj labori sub vipo kruela, sub suno brula, por ke ni havu kaŭĉukon. Pri malliberigoj, mortigoj, punaj buĉadoj kaj aliaj krimoj de kompaniaj agentoj li kuraĝas rakonti: « de nun vastega plendo loĝas en mi; mi scias aferojn, kiujn mi ne povas akcepti rezigne ».

Kolonianoj komercemaj certigis al André Gide ke la nigruloj estas malsaĝaj, kaj obstinaj. « Ju pli malinteligenta estas blankulo, des pli malsprite li juĝas la nigrulojn, » rimarkas la aŭtoro, kiu trovis multajn indiĝenojn amindajn kaj eĉ admirindajn. Ĉagrene li adiaŭas siajn portistojn. Pri unu li skribas emocie : « Tiom da sindono, da humila nobleco, da infana deziro bone agi, tiom da kapableco je amo, plej ofte rebatata.... Tra li mi sentas tutan parton de homaro suferantan, malfeliĉan rason subprematan, kies belecon kaj valoron ni ne kapablis ekkompreni ».

Plej nobla estas la ĉapitro, kie André Gide kondamnas tiun plej grandan krimon « forpuŝi, malebligi amon ».

Estas efektive nenia krimo pli abomena ol tiu. André Gide bone eltrovis la plej grandan econ de la nigra raso. Se la blankuloj posedas la genion de la forto kaj ruzo, niaj afrikaj fratoj certe posedas tiun de l'amikeco, de l'homamo. Kiu spertis tion, poste neniam forgesos la bonkorecon de ilia rideto.

Sendube pro tio fama pacifista Usonanino diris post kelkaj monatoj en Eŭropo : « La nigruloj mankas ĉi tie sur la stratoj ». Ke oni instruis malamon al tiu amema raso, malfidon al tiuj fidemuloj, tio estas unu el niaj grandaj hontoj.

Alia konata verkisto S-ro Félicien Challaye ofte pledis en sama senco en diversaj revuoj. Lastatempe en *Le Temps*, la plej serioza gazeto en Parizo, aperis simila artikolo de Robert Poulaine, reveninta el Kongolando : « La nigrulo ne estas pli aŭ malpli inteligenta ol la blankulo, li estas malsama tute simple. Plie inter li kaj Eŭropano estas la dudek centjaroj, kiuj dividas la samtempanon de Vercingetorix kaj la elektanton de Gaston Doumergue..... Diri, ke la nigrulo estas bruta besto pruvas mankon de juĝo kaj inteligento. »

Robert Poulaine raportas tre interesan ateston de ĉefjuĝisto en unu el la ĉefaj urboj de Kongolando : « Kio min plej timigas ĉi tie, li diris, estas la sinteno de la blankuloj al la indiĝenoj. Baldaŭ du jarojn mi jam restadis. Dum ĉi tiu tempodaŭro eĉ ne unufojon sin prezentis krimo aŭ punindaĵo de nigrulo kontraŭ blankulo. Male niaj ŝrankoj estas plenaj je dokumentaroj pri aferoj de blankuloj kulpigitaj je perfortaĵoj, forraboj, trouzoj k.t.p. kontraŭ indiĝenaj viktimoj ».

En alia parto de la lando, sur belga teritorio, la ĵurnalisto interparolis kun juĝisto, fakte kun la reĝa prokuratoro (kulpigisto) : « La nigrulo estas timema persono, li diris.... lia pasiveco nervecigas la senpacienculojn, sed li montras fidemon al tiu, kiu emas lin kompreni. Plie li havas instinktan senton pri justeco, kondiĉe ke ĝi estu rapida. Li ankaŭ bezonas atmosferon de konfido. Malfacile oni elŝiras liajn konfesojn aŭ plendojn, ĉar li tro timas venĝojn. Jen kiamaniere mi procedas pri tiuj protektatoj, konfiditaj al mi de la leĝo : ĉiumatene, je la horo de l'matenmanĝo, mi malfermas la fenestrojn de mia manĝoĉambro kaj trinkante mian kafon, mi aŭskultas la interparolojn en la strato. Tuj alvenas al miaj oreloj la plendoj laŭte esprimitaj de la nigruloj, ja sciantaj pri mia ĉeesto malantaŭ la grimpaj rozoj de mia ĝardeno. Tiamaniere mi aŭdas ke iu mastro batas la servistojn, ke en iu vilaĝo mortis nigrulo pro frapoj k.t.p. Tio min ebligas malfermi enketon, unue provizoran, poste definitivan, kiam mi posedas sufiĉajn pruvojn. Nu, tio efikas por utile timigi tiujn blankulojn, kiuj estas tentataj trouzi sian situacion, eĉ administran. »

Kompreneble la ĵurnalisto aŭdis multajn kritikojn kontraŭ tiu sistemo en la rondo de la lokaj komercistoj, sed li konstatis pli da kontenteco kaj trankvileco ĉe la nigruloj. Ili iom ekfidis en la « justeco » kaj esprimis tion en vortoj ne malsimilaj al tiuj de la fama Potsdama muelisto en Sans-Souci : « Ni havas ja juĝistojn en Berlino ! »

Urĝe estas, ke ĉiuj nigruloj en la tuta mondo sentu ke ekzistas tiaj juĝistoj ne nur surloke, kio estus jam granda progreso, sed en tuta Eŭropo, la kontinento de koloniemaj nacioj. Necesus, ke la nigruloj sentu ke protestas tuj miloj da konsciencoj je ĉiu maljustaĵo aparta kaj je la ĝenerala maljusta sinteno entute. Pro tio estas gratulindaj la eŭropaj verkistoj, kiuj kuraĝas malfermi niajn okulojn pri niaj propraj hontoj; ĉar vole-nevole ni estas ĉiuj solidaraj en la okuloj de l'aliaj rasoj, kiuj devige juĝas nian civilizon laŭ la reprezentantoj, kiujn ili vidas.

Estas ja grave ricevi kaŭĉukon por kovri la radojn de l'aŭtomobiloj kaj bananojn por ĝojigi niajn manĝojn, sed se, krom la prezo, ni ankaŭ pagas iam per la terura rikolto de malamo kaj sango, semita de blankuloj en Afriko, tiam estas vere tro. Pli bone manĝi pomojn kaj marŝi piede ol prepari novan interrasan katastrofon ! Sed eĉ se ni devas nenion timi, la nura konscienco ne povas toleri tian agadon en nia aŭ en ies ajn nomo. Homoj estas homoj. Se ni, blankuloj, ne kapablas vivi en Centra Afriko alie ol fariĝante bestoj kaj agante kiel bestoj al bestoj, tiam ni restu hejme. Ĉiuokaze estas tempo, ke la blankuloj rigardu sin mem en spegulo por ekvidi kiel ili aspektas al aliaj rasoj. Tio ŝajnas esti la XX-centjara formo de la fama sokrata konsilo : « Konu vin mem. »

E. P.

# Tra la Libraro

*Aelita. — La Maro. — Lernolibroj.*

Niaj patroj, tiam junuloj, ŝatis, je ilia apero, la fantaziajn rakontojn de Jules Verne, kies centjara naskiĝdato estis solenita lastan jaron, kaj inter aliaj la konatajn « De la Tero al la Luno » kaj « Ĉirkaŭ la Luno ». Mi mem, ankaŭ image, vojaĝis al fremdaj astroj kune kun la herooj de Wells en « La Milito de l'Mondo » kaj « La unuaj homoj sur la Luno ». Kaj nun niaj filoj ĝuos la saman plezuron legante la romanon de Alekseo Tolstoj, *Aelita aŭ La Marso formortanta*, kiun esperantigis E. Pill, kaj plaĉe eldonis « Heroldo de Esperanto ». La verko estos tre alloga, kaj malgraŭ samtemeco kun la supreci-titaj libroj, ĝi havas tute apartan ĉarmon ; la novaj scioj sciencaj kaj sociaj influis sur ĝin ; tre diversaj homaj sentoj ekaperas pro la strangaj cirkonstancoj en kiuj troviĝas la personoj. La diversajn mirigajn aventurojn kaj la romanintrigon estas senutile kriple resumi ĉi tie. Sed ĉar la traduko ankaŭ estas laŭdinda, oni povas certigi, ke, en sia speciala fako, Aelita estos ŝatata, legata, kaj eĉ relegata poste ; kaj libroj pri kiuj oni tion povas antaŭdiri estas entute neoftaj.

La sama eldonfirmo, lastan jaron aperigis 1-an serion de kolekto titolita « Ilustrita Biblioteko » kun 5 numeroj enhavantaj literaturaĵojn pri « Oriento ». Kaj nun la kolekto estas pligrandigata per 2-a serio, ankaŭ 5 numeroj, prezentantaj rakontojn tradukitajn kaj rilatajn al *La Maro*. La kunigado estas iom artifika kaj la titolo eble iom grandioza. Aliflanke la kajeroj estas plaĉaj, ilustritaj, la rakontoj ne tro longaj, taŭge elektitaj el diversnaciaj aŭtoroj kaj bone esperantigitaj. Al mi plej plaĉis la plej longa, en duobla numero, speco de romaneto aŭ robinsonaĵo, sufiĉe drameca ; sed ankaŭ la aliaj tekstoj, ĉu timigaj, ĉu humoraj, ĉu fabelaj, formas rekomendindan, varian malkaran legaĵon.

Malnovaj samideanoj konas kaj uzis tre utilan libron, la *Naŭlingva Etimologia Leksikono* de L. Bastien. Ofte oni deziras trovi la fonton de iu radiko, ekscii ĝian internaciecon, pruvi la preskaŭ samgradan facilecon de nia vorttrezoro por ĉiu Eŭropano. Oni vidis tiun verkon apud la Fundamento kaj la Vortaro de Kabe sur skribtablo de ĉiu klera samideano, en la biblioteko de ĉiu kursestro. Nu, la eldono ne estis elĉerpita, kion oni povis supozi, sed sub nova kovrilo ĝi estas rehavebla el la eldonejo Esperantista Voĉo en Jaslo. Ĉar la taŭga verko tute ne perdis sian valoron, oni povas konsili al ĉiuj, kiuj ne posedas tiun tute specialan vortaron, akiri ĝin kaj eltiri el ĝi multon sciindan.

La lernolibro *Ĝoju ni* akompanos gramofonajn diskojn por instruado per plej novaj metodoj. Ĝi konsistas el scenetoj, kiujn instruisto kaj lernantoj aŭdos, studos, ludos precipe kaj tiel, kun kelkaj klarigoj, akiros gaje la elementojn de nia lingvo. Detala antaŭparolo montras, kiel uzi la libron kaj la metodon.

Iberia Esperanto-Servo, en Barcelono, presigis broŝuron en Hispana lingvo, *Pro Esperanto*, kun resumo de la gramatiko kaj vortaro Esperanto-Hispana : ĉio necesa por kompreni Esperantajn tekstojn kaj eklernadi la internacian lingvon.

La kolekto de l'ŝlosiloj zorgata de I. C. K. pliriĉiĝis per *Albana Ŝlosilo*. Ĉar tiu lingvo estas tute aparta kaj estis ĝis nun maloftaj rimedoj rilatigi ĝin kaj Esperanton, tiu nova ŝlosilo estos unue kaj ĉefe utila al Albanoj por kompreni Esperantajn tekstojn, sed ankaŭ interesos samideanojn dezirantajn ekscii, kio estas la Albana lingvo.

15 Aprilo 1929. G. S.

 **NOTOJ** 

*La administrado de Londono.* — Laŭ la lasta statistiko vidiĝas kia maŝinaro necesas por la administrado de tia urbego kiel Londono. La dokumento enhavas tre interesajn indikojn. Ekzemple oni legas, ke en la graflando Londono troviĝas 141 aŭtoritatoj kaj en la eksteraj urbopartoj kiuj kun la graflando Londono formas kune Grand-Londonon, ankoraŭ 300 pliaj aŭtoritatoj. La nombro de personoj, kiuj kunhelpas honorofice al la loka administrado estas 10.000. La tuta elspezo de la Londona administrado estas jare 56 milionoj da funtoj sterlingaj t. e. 400 milionoj da orfrankoj. La Graflanda Konsilantaro administras 977 elementajn lernejojn kun 650.000 lernantoj. Ĉirkaŭ 14.000 infanoj kiuj ne povas sekvi la instruadon ordinaran pro ne sufiĉa fizika evoluo troviĝas en specialaj lernejoj.

*Donaco de Nobelpremio.* — Fernand Buisson, la fama batalanto por paco, donacis la Nobelpremion, kiun li ricevis pasintan jaron, al la Franca Ŝtato por fondaĵo kiu portas la nomon » Fondaĵo Fernand Buisson. La rentumo servos por aranĝi prelegojn pri la Ligo de Nacioj en la unuagradaj kaj mezaj lernejoj francaj kaj plie por doni al universitataj studentoj subvencion, por partopreni internaciajn kongresojn aŭ por helpi al eldono de publikaĵoj, kiuj akcelas la pacon tutmondan. La sumo de la fondajo estas 300.000 Frankoj.

*Herbert Hoover — Humanisto.* — La nuna prezidanto de Usono estas konata al la mondo kiel inĝeniero, aferisto, kaj politikisto. Malpli konata estas lia faka sperto en la minado, geologio kaj mineralogio. Aperis 1912 en la eldonejo de » Mining Magazine « en Londono bonega traduko el la latina de l'verko » **De Re Metallica** « de l'fama mineralogo Georg Agricola, mortinta en Chemnitz 1555. La tradukinto estis Herbert Hoover kaj edzino, kiuj post 5 jara laboro plenumis tiun grandan laboron. Tiu-ĉi moderna eldono de la fundamento de l'mineralogio estis kompletigita de la tradukintoj per detalaj historiaj kaj sciencaj rimarkoj, observoj kaj fontindikoj, ne nur rilate la teorion kaj praktikon de la minado, sed ankaŭ pri esploroj mineralogiaj kaj geologiaj, plie pri la leĝfaro de la minado en la plej fruaj tempoj. Rimarkinde estas, ke vera praktikulo de la taga vivo, povis sin okupi pri tia nefacila kaj temporaba laboro.

*Nova ŝtato : Novaj poŝtmarkoj-novaj moneroj.* — La kolektistoj de poŝtmarkoj kaj de moneroj estos kontentaj. La Vatikan-ŝtato jam ŝarĝis spertulon **Proj. Camillo Serasini**, direktoron de la numismatikaj kolektoj pri la skizo de la novaj poŝtmarkoj kaj moneroj. Aperos unue provizora serio da poŝtmarkoj, laŭ tre simpla aranĝo, verŝajne dum somero post la ratifo de la Lateran-konrakto. La poŝtmarkoj laŭdire montros bildojn de l'Vatikano kaj de ĝiaj kolektoj.

# LITERATURO

## Homoj, Simio kaj Bestaro

*(Kun amika dediĉo al Ge-sroj Isbrücker)*

Ke « homo devenas el simio kaj emas reiri tien » fariĝis jam konata popola proverbo. La Darwin'a teorio pri evolucio de l'homaj gentoj el simiaj tra la natura pratempo kaŭzas ankoraŭ grandajn intelektajn batalojn en Usono, kie okazis antaŭ kelkaj jaroj sensacia proceso en Tennesee. Eĉ la fama politikisto Bryan tiam pledis kontraŭ la teorio.

Nu en Februaro de tiu ĉi jaro alia proceso, pli reala kaj pli proksima, okazis en alia parto de Usono. Ĉe urba tribunalo de St. Louis, Missouri, okazis proceso pri vera vivanta simio, adulta orang-utano, jam tute civilizita, tia, kian ni foje vidis en iaj kinematografaj filmoj, ĉu trinkanta kafon en societo, ĉu ĝentile puŝanta veturileton kun ĉarmigita bubeto.

La homsimila besto estis ŝtelita. Ne. Pli vere ĝi tiel amikiĝis kun homo ke ĝi ne volis lin forlasi. La kontraŭa plendanto montris posedajn dokumentojn.

Nu, la advokato de la cirkestro pledis, ke laŭ la Darwin'a teorio simioj rajtas leĝan statutecon kaj tial neniel povas esti konsiderataj kiel propraĵo.

Kompreneble vin interesas multe pli tio, kion fine decidis la usona juĝisto. Ĉu li ruze venigis glavon kiel Salomono por eltrovi kies koro plej amas la simion ? Ĉu li malprudente eldiris sian opinion pri la danĝerplena Darwin' a temo, tiel riskante la severan kritikon de la ortodoksaj gazetoj se li juĝis por kaj la akran riproĉadon de la liberpensemaj se li juĝis *kontraŭ* ?

Nu, kiom vi vetas ? Diru. Kion vi supozas ? Ne scias. Ne kuraĝas. Nu, mi diros al vi. La juĝisto restis prudenta. Eĉ pli ruza ol Salomono li sin montris. Li malkovris ian ŝuldon de la plendanto al la nuna amiko de l' simio kaj venkis la argumenton pri posedo aŭ propraĵo per nova argumento pri kompenso favora al la Darvinano sen favoro al Darvinismo. Ne diru ke la Usonanoj ne estas saĝaj.

Multe pli tragedia estas la raporto de germana plantista kompanio en Brita Kameruno (Centra Afriko). Unu el ĝiaj dungitaj elefant-ĉasistoj, indiĝena viro, enpenetris virgan arbaron, kien, laŭ homa memoro, neniu edzo de virino iam antaŭe enpaŝis tiel malproksimen.

La nigrulo ekvidis belajn simiojn. Rimarkante unu aparte belan, sidantan inter du branĉoj sur arbo, li pafis. Kiam li atingis la falintan kadavron, li tuj vidis surprize, ke ne estas simio, sed nigra virino.

La homo tuj iris anonci la teruran aferon al la polico en Viktoria. Ĉiel oni provis ion ekscii pri malaperinta virino. Sensukcese. Nenio estis trovebla pri la deveno de la viktimo. Ŝi estis tute senvesta kaj eĉ ne surhavis la kutimajn ornamaĵojn aŭ tatuajn signojn sur la korpo. Nenia vilaĝo apudestis eĉ je granda distanco.

Oni do supozas, ke la virino estis kaptita en infanaĝo kaj grandiĝis inter la simioj. Ĉu ne revenas al viaj memoroj tiu fama libro de la Rozkolora Libraro pri « Ido de l'Arbaro » de kapitano Mayne-Reed, kiun ni tiom avide legis estante infanoj ? Dum jaroj violonmuziko min igis terure malgaja, ĉar iu ludis ĝin ĝuste dum mi estis leganta la ĉapitron, kie la infano formarŝas de la hejmo metante sian manon en la manegon de la granda amikema orang-utano.

La juĝisto en Viktoria ne punis la mortiginton, sed li mem sin kondamnis al ne-plu ĉasado en la arbaro, ĉar li kredas pri io supernatura en sia aventuro kaj pentas, ke li rompis la neskribitan leĝon, laŭ kiu la « parencajn » simiajn popolojn oni devas lasi en paco.

Tute prava leĝo, eĉ sen la parenceco. La hindoj ja emas kredi je animoj eĉ en bestoj kaj tial evitas ilin mortigi. Viŝnuanoj kaj Jainoj estas severaj vegetaranoj pro tio.

En la antikva hinda libro « Bhagavat Gita » troviĝas tiuj linioj (V. 18) : « En la sciencema kaj modesta Brahmano ,en la bovo kaj elefanto, eĉ en la hundo kaj en la hundo-manĝanto, la saĝuloj vidas la Identulon. »

Same kial siatempe Gotamo, fariĝinte Budho, ankaŭ montris kaj rekomendis universalan bonvolon eĉ al bestoj, same kiel Sankta Francisko el Asizo allogis ilin pro sia amo al ĉiuj kreitaĵoj, simile la moderna gvidanto Mahatma Gandhi en Hindujo ofte skribas tre bele pri bestoj en sia gazeto « Young India ». Unu el liaj plej kortuŝaj artikoloj temis pri bovinoj :

« Plej grava punkto en hinduismo estas la protekto al la bovino. Tiu protekto ŝajnas al mi la plej admirinda fenomeno de l'homa evolucio. Ĝi portas la homon trans sia propra speco. Por mi la bovino reprezentas la tutan subhoman mondon; en ŝi la homo vidu sian similecon kun ĉio ekzistanta.

Kial la bovino estis elektita al tiu honoro, tio aperas al mi plej evidente : La bovino estis la plej bona kunulo en Hindujo, ŝi disdonis abundon. Ne nur sian lakton ŝi havigis, sed ankaŭ ebligis kampokulturon.

La bovino estas poemo pri kompato. Tiu pacema besto elspiras kompaton. Ŝi nutras milionojn da homoj en Hindujo. Protekto al bovinoj signifas protekton al ĉiuj mutaj kreitaĵoj de Dio. Antikva profeto — kiu ajn estis li — donis al la bovino la unuan rangon.

La malsupraj specoj sin turnas al ni kun alvoko tiom pli profunda ĉar muta. La protekto al bovinoj estas donaco de la hinda kredo al la homaro kaj hinduismo daŭros tiel longe kiom restos hindoj por protekti bovinojn. »

En alia loko Gandhi sopiris pri tempo, kiam stariĝos iu viro aŭ virino kun granda koro, kiu sindonos per tuta vivo al vekado — inter homoj — de tiu sento de solidareco kun kaj amo al la subhoma mondo.

Kiam la aŭtomobiloj nin naŭzas per sia turmenta bruado, suferiga blovado de polvo kaj kruela mortigado de promenantoj, estas utile — por iom ekpardoni — memori ke, krom siaj krimoj, ili tamen iom liberigis tiun malfeliĉan sklavon : la ĉevalon, kiu devis ŝvitadi kaj penadi lace kaj senlace la tutan tagon por tiri tro pezajn ŝarĝojn sub vipo.

EDMOND PRIVAT.

### NOKTO EN URBO

*Tra malpuraj, rompetitaj vitroj de la gaslanternoj*
*Rampas strioj de la lumo, strioj palaj kaj malgrasaj*
*Kaj penetras en humidajn breĉojn, kvazau monstraj vermoj :*
*Noktmisterojn serĉas ili, strioj de lanternoj gazaj.*

*En rigida dormo staras telefonaj la kolonoj,*
*Interplektas siajn manojn per la prujnkovritaj dratoj...*
*Ofte ilin el la sonĝo vekas iaj raŭkaj sonoj,*
*Kiuj portas sin obtuze, intermite super stratoj...*

*Noktaj ŝpinas sin tineoj apud la ĝardenparkanoj,*
*Provokante hundpasiojn per okula sia flamo —*
*Kaj proponas noktan varon al gardanta policano...*
*Malrapide paŝas ili, vendistinoj de la amo.*

*Kelkaloke el la lukoj ŝprucas lum' malklara, ŝima —*
*Mortsilentas la mansardoj pri tieaj vivodramoj !*
*Morgaŭ ilin pribabilos moke la ŝtonar' pavima*
*Kaj prizumos monotone elfrotitaj feraj tramoj...*

I. LEJZEROWICZ, Lodz.

## Gastejo "Eterna Praarbaro"

**de F. Adam.**

Do sinjoroj, nun venas la rakonto pri Charly, kiu korekte nomiĝis Charles Peep. Li estis efektive la plej sagaca, la plej ruzega kaj la plej bona knabo en la ŝtatoj, sinjoroj, kaj mi estu malbenata fripono, se tiu, kiu ne volas kredi tion, ne jam hodiaŭ eniras malsanulejon.

Dum la sepa jardeko Charly venis trans la grandan lageton, de Anglujo. Mi konatiĝis kun li en drinkejo en Manhattan, kiu estis fama en tuta Novjorko pro siaj bonaj patkukoj. Tiam, por varii, li okaze estis iomete kuiristo. Mi certigas vin, kunuloj, neniu povis baki pli bone ol Charly la farĉitajn patkukojn. Oni iris en la ejon, la nigrula kelnero ĵetis la teleron antaŭ vian nazon, Charly vokas : " Take care ", kaj tuj tra la tuta ejo alflugis la patkuko trans-super du, tri tablojn, ĝustege tien, kien ĝi devis ! Charly uzadis la paton laŭ maniero, kiu inspiris al mi respekton. Nun, mi ofte venis, kaj tiel mi iom ekkonis lin. Li havis la saman karieron kiel ĉiuj junaj " Greenhorns ", kiuj tiam venis Novjorkon : ŝupurigisto, gazetvendisto, ĉionfaranto ; nun li estis altiĝinta je kuiristo. Baldaŭ li konfidis al mi, ke li intencas ekkomerci viskion.

Iutage mi refoje sidas ĉe Charly, kiam la pordo malfermiĝas, kaj eniras iu kun mieno, kvazaŭ la sekreta polico sekvus lin. Malĝojege li sidiĝis al mia tablo, subtenis la kapon per la manoj kaj komencis ĝemadi plorinde. Komence mi pensis nepre nenion, opiniis ke estas ia malbenata virinafero aŭ io simila kaj tie oni ne enmiksu sin ! Ĝis kiam la nigra servisto metas la teleron antaŭ lin, tuj poste eksonas la " take care ! " de Charly, kaj la patkuko alflugas. Ĝi estis grandega kaj klakis tiel, ke la ploremulo, pro teruro preskaŭ falis de la seĝo — " Manĝu ! " mi diris al li — " ĝi estas regalaĵo kaj kontraŭ amdoloro plena stomako estas pli bona ol malplena ! "

Li malrapide levis la kapon kaj rigardis min per okuloj. Sinjoroj, ĉu vi jam vidis la okulojn de bovido, kiam ĝi estas buĉata ?

Mallonge : mi instigis lin iomete, malpezigi la koron. Alvenigis du koktajlojn kaj ankoraŭ du, kaj iom post iom la kunulo komencis rakonti.

Li estis Bostonano. Iutage ia fiagento, kiaj tiam parazitadis kiel egipta plago tra la Ŝtatoj, estis lin trompeginta pri mira terpeco, preskaŭ senkosta, supre en Arkansas. Antaŭ ol Billy povis sufiĉe pripensi pri kio temis, li Bill Parker, tiel li nomiĝis, estis subskribinta kontrakton, laŭ kiu li estis akirinta por kvarmil dolaroj ses kvadratajn mejlojn da kamparo. La malbenita filo ne lasis lin trankviliĝi, irigis lin al notario, al banko, enpoŝigis la monon,bondeziris feliĉan vojaĝon kaj malaperis.

Nu ! Bill finskrapis sian lastan areton da dolaroj, aĉetis la plej necesan aĵaron kaj forveturis, al Arkansas. Li bezonis tri semajnojn, ĝis kiam li alvenis. Tiam la vagonaroj ne jam veturadis kiel hodiaŭ, kaj li devis rajdi bonan distancon sur maljuna ĉevalaĉo, kiun iu fripono estis trompevendinta al li.

Kiam Billy supre alvenis, la ĉevalaĉo teren falis, eligis la langon tri futojn longa el la buŝo kaj estis pereinta. Kaj mankis malmulte, ke la rajdinto ankaŭ pereis, kiam li ekvidis la mirigan areaĵon. Kiam li estis kun la ŝerifo el la plej proksima, dek mejlojn distanca vilaĝo limiginta sian posedaĵon, li ekkonis, ke li estis aĉetinta nenion alian ol nuran praarbaron. Bonvolu sinjoroj, ne imagi al vi poton kun heliantoj ; tie estis arboj sepdek futojn altaj kaj dudek dikaj, unu apud la alia, vera amerika arbaro.

Tie staris nun la kompatindulo, sola kaj forlasita, kun kelkaj dolaroj en la poŝo.

Mi parolu koncize, sinjoroj. Li konstruis mizeran kabanon kaj unue laboregis dum kelka tempo kiel sangelverŝinto. Poste li ekvidis, ke li povus maljuniĝi ĝis kiam la tuta arbaro estus elsarkita. Tiam li ekfuriozis, forbruligis sian hundejon, aĉetis por sia lasta mono mizeran ĉevalon kaj senpere ekrajdis. Fine li alteriĝis ĉe ni en la drinkejo ,, Cow Boy ".

Kiam li estis fininta la rakonton, ok koktajloj estis for. Charly, la kuiristo, jam je la komenco estis sidiĝinta ĉe nia tablo, ĉar li estis fininta sian laboron. Li sidis ankoraŭ kelkan tempon neniun sonon eligante, sed mi ekkonis laŭ liaj fulmantaj okuloj, ke ia diablaĵo vagis tra lia kapo. Kaj prave ! Subite li diris : " All right ! " kaj al Bill : " Estigu min via partoprenanto ! " — Bill Parker ekrigardis miregigite. — " Partoprenanto ? je kio do ? " — " Je via kamparo ! jam de longe mi volas aliigi min ! via areaĵo estus afero por mi ".

Momenton mi pensis, ke Charly ekfrenezis, sed mi ankaŭ sciis, ke ĉio kion li faris estis perfekta. Nu ! sinjoroj, vi povas imagi, ke Bill Parker kompreneble ĝojradie konsentis. Ili tuj faris laŭordan kontrakton. Charly ĵetis dumil dolarojn en la aferon. Parker enĵetis sian praarbaron, kaj la afero estis matura.

Ok tagojn poste ambaŭ forrajdis. Adiaŭante Charly pinĉis mian brakon kaj diris : « Atentu maljunulo ! okazos io ! » — Mi rakontas nun la aferon, kiel Bill Parker mem ĝin rakontis al mi, kiam li estis riĉulo. Kaj mi rostiĝu en la infero, se ne ĉio estas hardetale vera !

Post kvar semajnoj ambaŭ supre alvenis. La unua afero de Charly estis, ke li dungis seson da nigruloj kaj konstruis arbotrunkan domegon meze de la arbaro. Poste li ĉarpentis tablojn kaj benkojn kaj firmoŝildon, sur kiun li pentris ruĝlitere : — Gastejo Eterna praarbaro. La ŝildon li fiksis super la enirejo. « Tondroj » diris Bill Parker vidinte tion, « aŭ ci frenezas aŭ mi ! » « Ci ! » diris Charly pacanime kaj rikanis. Dume alvenis la brando, kiun li estis mendinta amase.

Baldaŭ la afero estis disfamiĝinta. Kaj jam venis kelkaj lignohakistoj al la « Eterna Praarbaro » kaj ŝanĝis sian salajron por viskio. Tiuj estis la unuaj gastoj. Kaj baldaŭ ĉeestis kutima gastaro, ĝuste sufiĉe, por ke deca gastejo povu mortaĉi. Nu ! kion mi diru ? Sinjoroj, je iu bela tagmezo — estis okaze dekduo da tiuj kunuloj en la kabano — la pordo malfermiĝas kaj ventege eniĝas Charly kun vizaĝo kvazaŭ li estus aŭdinta ĉiujn himnojn de la tero. Mirigite la kunuloj rigardas lin ĉiuj, same Bill Parker. Charly aliras ilin malrapide, prezentas la fermitan pugnon kaj diras : « Sinjoroj, kion mi havas en ĉi tio ? » « Ĉu dolaron ? » iu diras, « Kotaĵon ! » diras aliu. Tiam Charly malfermas la manon, kaj jen enestis beleta, flavbrila ereto. « Oro ! » la knaboj ekvokis kune. « All right » diras Charly « estas oro, vera oro ! »

Nu ! se vi estus vidintaj la knabegojn, junuloj ! kvazaŭ idiotaj ili estis subite. Necesis ke ĉiu estu palpinta la orpecon en la mano, unu kriis pli laŭte ol la alia, kaj ĉiuj volis scii, de kie Charly havis la oron. « Elfosita ! » diris tiu kun seriozega mieno — « ne estas la unua, sed ĉiam estis nur malgrandegaj amasetoj — ĉi tiu estas la plej granda ! » « Kie fosita ? » vokis la knabegoj. — « Kie ? » diris Charly, « en la posedaĵo de mi kaj Billy ! »

Mi parolu koncize, sinjoroj. Post du tagoj estis tia aktiveco en la gastejo « Eterna Praarbaro », ke la plej eleganta trinkejo en Novjorko ne povus havi pli bonan. Ĉiuj volis aĉeti terenon. Charly kontraŭstariĝis, diris ke li ja ne estas idioto kaj tiel, kaj ke lia kunsocietano, Billy, ankaŭ ne volas vendi. Sed ju pli li rifuzadis, des pli ili ofertis, ĉiutage la homamaso plimultiĝis, kampomakleristoj venis, agentoj de ĉie. La peceton da oro li estis ekspozinta en vitraĵo kaj ĉiu preterpilgrimis, kvazaŭ ĝi estus mara mirindaĵo. Fine kiam la tumulto ja ekestis danĝerega, Charly kaj Billy vendis po unu kvadrata futo por tri dolaroj. Tio laborigis ilin kiel karboportistojn. Necesis alvenigi ledajn sakojn, por enmeti ĉiujn dolarojn. Ili dungis seson da nigruloj por iomete administri la gastejon. Malgranda urbo subite ĉirkaŭis la drinkejon « Eterna Praarbaro ». Kvin mil viroj fosadis kiel la talpoj. Estis impona agemo, sinjoroj !

Nu ! kaj je iu bela tago alvenis malgranda karavano, surĉarigis la monsakojn kune kun Charly Peep kaj Bill Parker kaj forveturis.

La sinjoroj loĝas hodiaŭ en Novjorko en la plej larĝa avenuo kaj fumas havanajn cigarojn. Estas vere, ke ili iom maljuniĝis, sed kiam Charly ekrakontas, kiel li aĉetis la orpeceton por tridek dolaroj de mizerega vagulo, li kaj lia amiko Billy estas preskaŭ krevontaj pro rido !

Sed al neniu malutilis tiu friponaĵo — la kvinmil viroj, fosadintaj dum tri monatoj kaj trovinte ĉion escepte oron, sendube ege furiozis kaj dispecigis la gastejon « Eterna Praarbaro ». Sed ili baldaŭ kvietiĝis, restis kie ili nun estis, aliaj aliĝis kaj hodiaŭ, sinjoroj, la loko, kie estis la praarbaro de Billy Parker, estas eleganta kaj riĉa urbo.

Tiel Charly Peep estas fondinta urbon, sinjoroj, li estas ruzegulo, kia ne troviĝas dua en la ŝtatoj, kaj kiu tion kontestas aŭ diras ion kontraŭe, tiu iru tuj ĉe la ĉerkofaristo kaj mendu keston por si !

Trad. EJUNA.



## La Gurdisto

de Vindyŝ Sartovsky.

La gurdisto estas maljuna viro, kun griza barbo kaj voĉo raŭka kiel la sono de l'gurdo, kiu akompanas lian kanton multfoje ripetatan dumtage. Lia kanto ne estas gaja, ĉar kun ĉiu haro falinta de lia kapo velkis iluzio kaj perdiĝis. Tro multe li kantis en juneca tempo ; tial raŭkiĝis la voĉo. Dronis fervoro kaj entuziasmo ; nur obtuza laco nun pezas sur li. Lasta krio de koro stultiĝinta per la ĉiamaj malhelpaĵoj de l'vivo ekgurdas unutone kaj abrupte ; de l'brando detruita, knaras plende la voĉo :

*Printempo pasis kaj suno,*
*Velkis somera flor',*
*Fruktojn ne donis aŭtuno,*
*Restis malriĉa la kor'.*

*Kion printempe la turdo*
*Mensoge promesis al mi*
*Nun mok-ripetas la gurdo*
*Kun raŭka melankoli'.*

*Juneco pasinta.*
*Floro velkinta..*
*Kor' rompiĝinta...*
*Ĉio falinta*
*Tie ĉi......*

Kiam li aperas en la kortoj, fenestroj malfermiĝas. Kompateme aŭ mokeme oni rigardas sur li ; malofte nur okazas ke iu, ofendite, lin forpelas aŭ eĉ ĉasas hundon kontraŭ li. Pli ofte oni rekompencas lin per kupra monero, diskreta almozo al la destino ke ĝi gardu la donacinton de sorto simila. Infanoj kelkloke grupiĝas ĉirkaŭ la gurdo. Sed kiam malgaje eksonas la raŭka kanto, ili timeme forkuras, kvazaŭ vipite de antaŭsento de ia malproksima estonteco, kie ankaŭ ili suferos kion suferis li post junaĝo sencele foriĝinta.

Vespere, kiam la raŭka voĉo perdis ĉian laŭton, li ebriigas sian korpon per aĉa brando. Ebriiĝinte, li revas ke li mortis. Tiam la gurdo silentas. Tiam li estas feliĉa.

---

## LA LASTA

Kunsente dediĉita al G.H.R., el Newcastle-on-Tyne, kiu, kvankam la idista movado jam disfalis, tamen ankoraŭ eldonas siajn poemojn en Ido.

*Kiel soldato kantas romana,*
*sola ĉe l' lasta landlim' forgesita,*
*kuraĝa ĉe sia posteno*
*dum detruas patrujon barbaroj ;*

*kiel sur morta tero mortkantas*
*siajn amatojn lasta homido,*
*sub neĝeroj silente ŝvebantaj,*
*atendante la blindan ĥaoson :*

*tiel idisto lasta vi kantas*
*morne al mondo, kiu forgesis*
*la lingvon de vi amegatan.*
*Ho, poeto fidela, saluton !*

Eleno VINFERO.

# Internacia Konferenco por Turismo kaj Reklamo

## 30 Marto-2 Aprilo (Paskon) 1929 en Frankfurt a. M.

La konferenco okazis laŭ invito de la Ekonomia Oficejo de la urbo Frankfurt a. M. kaj estis kunvokita sub la aŭspicio de la Foir-Oficejo de Frankfurt a. M. konata kiel pioniro en la uzado praktika de Esperanto.

La Konferenco komenciĝis sabaton la 30 marto per malferma kunsido en unu el la foiraj ejoj, la impona » Beethoven-Saal (Domo Offenbach). Malfermis kiel prezidanto Bankiero Dro H. Arnhold-Dresden, membro de la speciale formita Prepara Komitato. Mallonge, sed trafe li legitimis la konferencon kunvokitan de interesitoj ekster la profitcelaj organizacioj, dirante ke ĝi havas nek komercajn nek materiajn interesojn. Kontraŭe ĝi deziras reprezenti la grandan amason sub la devizo » **Servo al la publiko** «. Ĝi deziras krei novajn rilatojn kaj kontaktojn kaj povos eventuale esti direktodona por novorientado en la pritraktataj kampoj. Li sciigis, ke aliĝis al la konferenco preskaŭ 200 partoprenantoj. 80 korporacioj el 14 landoj estas reprezentitaj, inter ili kelkaj tre gravaj korporacioj el Germanlando, kiuj antaŭe neniam partoprenis en aranĝo ligita kun Esperanto.

En la nomo de la urbo Frankfurt salutis la konferencon urba konsilisto D-ro. Langer. Poste parolis sindiko Flach (Komerca Ĉambro Frankfurt) kiu i. a. reprezentis la gravan korporacion Deutscher Industrie & Handelstag, Direktoro Modlinger por la Foira Direkcio, Kortega Konsilisto v. Rauch, direktoro de la Ban-Direkcio Wiesbaden, Ministeria Konsilisto Dr. Inĝ. Ellerbeck, por la Norm-Komitato de la Germana Industrio, Supera konsilisto Dro Joseph por la fervoja direkcio de Frankfurt kaj en la nomo de la Ĉefdirekcio de la Germana Regna Fervoja Kompanio. Sekvis saluto de s-ro Bordat, propagandestro de la foiro de Parizo en franca lingvo.
Ĉiuj paroladoj sub granda aplaŭdo estis per improvizo flue kaj perfekte tradukitaj en Esperanton de s-ro Rob. Kreuz, honorofica reprezentanto de la foiro de Frankfurt kaj konata al esperantistoj kiel ĝenerala sekretario de I.C.K.

Salutojn ankoraŭ alportis, por diversaj institucioj s-ro Balkanyi — Budapest, Prof. Rakuŝa — Maribor, Parlamentano Eriksson — Stockholm kaj inĝeniero D-ro Stromboli — Pisa. Tiuj konferencanoj parolis nacilingve kaj tradukis sin mem en Esperanton.

Poste D-ro Arnhold dankis al ĉiuj reprezentantoj, aŭtoritatoj kaj la gazetaro pro la bonveno. Aludante pri la uzado de Esperanton li substrekis la avantaĝon de la » nova konferenc-tekniko « per Esperanto kompare al la ĝenerala metodo multlingva kaj temporaba.

La duan parton kiel labor-kunsidon sub prezido de bankiero D-ro Vogt — Stuttgart plenigis parolado de Prof. Dro A. Weiss, ord. profesoro pri scienca organizo de la laboro en la Supera Komerca Lernejo, München pri » *La reklam-scienco en la instruado pri scienca organizo de la laboro* «. Resume li pritraktis la evoluon de la reklam-scienco en Usono kaj Eŭropo. Germanujo kiel unua lando akceptis la reklaminstruadon en la programo de siaj Alt-lernejoj. Lia postulo estas, ke la instruado havu saman rangon en la supera instruado kiel aliaj fakoj. La kondiĉoj por allaso estas tre severaj. Li faras grandajn pretendojn pri la universaleco de la kono de reklamisto kaj postulas allason de nur morale senmakulaj homoj. En lia fina konkludo li postulis la kreon de Internacia Alt-Lernejo por Reklam-scienco kaj Ĵurnalismo kun sidejo en Ĝenevo apud la Ligo de Nacioj. Lia skizo de programo ankaŭ enhavis kiel help-sciencon » Esperanto «. La parolado estis tuj tradukita en Esperanton.

En la fino D-ro Vogt esprimis sian dankon al ĉiuj ĉeestintoj, la parolinto kaj plue al la tradukisto. Post propagandaj vortoj pri la evidente montrita utileco de Esperanto li fermis la kunsidon.

En la dua laborkunsido posttagmeze (prezidita de D-ro Vogt) raportis Min. konsilisto D-ro Inĝ. Ellerbeck — Berlin pri » Ĝermana Normado sur la kampo de l' turismo kaj reklamo «. Reklamo signifas varieccon en formo kaj esprimado. Normo signifas unuecon. Malgraŭ ĉiuj konsideroj normigo estos utila en reklamo. La parolinto montris tion per tre lerta kaj konvinkiga demonstracio. En la trafiko jam multaj detaloj estas normigitaj. Ekzistas preskaŭ nur unu interrela distanco en la fervoja konstruado. Normigo de maŝinpartoj ebligis redukti la ripardaŭron por lokomotivo je 1/4. Normoj ekzistas en la martrafiko, radio-komunikado, signalaro, ŝip-ekipado kaj telefoninstaloj. Ĉiuj servas al simpligo kaj rapidigo de l' trafiko.

Ankaŭ tiu ĉi parolado estis tuj tradukita en Esperanton.

Kiel dua raportinto D-ro Jul. Hanauer — Berlin citis vicon da deziroj pri necesaj kaj utilaj normigoj en fervojo, tramo, strattrafiko, horaroj, geografiaj kartoj ktp. Nova kaj bona ideo lia estas enpenetrigi la ideon pri unueco jam en la lernejojn. D-ro Hanauer tradukis sian paroladon mem tre flue en Esperanton.

La paskodimanĉo estis libera por la konferencanoj. Matene vizito de la foira tereno estis organizita. Je la sama tago okazis la germana Esperanto kongreso brile organizita de la loka samideanaro sub la sinofera gvidado de s-ro Schutkowski.

Lundon matene, sub prezido de Inĝ. D-ro Stromboli — Pisa, okazis parolado de Inĝ. Svoboda, direktoro de l' « Radio Journal » Praha en la Aŭlo de Gœthe-Gimnazio (kien la konferenco devis translokiĝi pro ne-hejtebleco de la foira domo) pri « *Radio-Gazeto kaj Reklamo* ». La parolinto komparis la radio-organizon de Usono kun tiu de Eŭropo. Tuj post la enkonduko de Radio kreiĝis krizo, kiu kaŭzis la komercan organizon de Radio. Oni spekulis pri la granda bezono de propra reklamo. Artistoj, dezirantaj fari karieron kaj diskonigante sin per radio pagis sumojn ĝis kelkaj mil dolaroj po horo kiel depagon por la reklamo. Ofte la mono venis de industria entrepreno. Oper-disaŭdigo foje estis kombinita kun reklamo de petrol-kompanio. Ankaŭ tiu sistemo ne

konserviĝis. Oni enkondukis tiun de licencpago por aŭdado kaj disaŭdigo, kiu hodiaŭ ankaŭ regas en Eŭropo. Rilato de la Gazetaro al radio estis rimarkita per radio-aldonoj, poste oni tamen konstatis malutilon de radio al la gazetaro. Fakte radio tamen ne povas anstataŭi gazeton. Radio devigas aŭdi dum certa horo, ne ebligas reaŭdi, postulas grandan atenton kaj ne ebligas elekton de la materio. Male gazeto havas ĉiujn tiujn avantaĝojn. Radio estas utila por rapida diskonigo de plej aktualaj novaĵoj, sporto, akcidentoj, ŝip-pereoj, dum strikoj kaj aliaj malhelpoj, ĉar male al gazeto ĝi povas esti servata de nur malmultaj helpantoj. Precipe sur la kampo de muziko Radio havis grandan sukceson kaj sendube ankoraŭ plenumos gravan mision.

La tradukon en Esperanto de la germanlingve farita parolado faris s-ro. Kreuz.

La parolinto proponis rezolucion por konigo al la Internacia Unio de Radiofonio en Ĝenevo unuanime akceptitan. En du komisionoj rezolucioj pri kreo de Internacia Altlernejo por reklam-scienco kaj ĵurnalismo en Ĝenevo kaj rekomendo pri favorado de plia normigo estis preparita kaj akceptitaj de la Konferenco.

La ferma kunsido okazis mardon 2 aprilo sub prezido de Ĝenerala sekretario Rob. Kreuz, Genève Ĉefan temon pritraktis ĉefinspektoro sro Karsch — Dresden pri « Mondtrafiko kaj Mondlingvo » en kiu li elokvente montris la utilecon de Esperanto en trafiko kaj reklamo.

Li ankaŭ atentigis pri la Turisma Servo de UEA per Esperanto. Li tradukis mem sian tre lertan paroladon en Esperanton.

Sekvis vigla diskuto kaj raportado en Esperanto, en kiu partoprenis sroj Jandik — Pardubice, Pilhofer — Nürnberg, Hoen-Koeln, Minor — Hamburg, Rakuŝa — Maribor kaj Balkanyi — Budapest. Ĉiuj parolis en Esperanto. La diskuto estis atente sekvata de sufiĉa nombro da reprezentantoj — neesperantistoj, kiuj ĉeestis ankaŭ la fermon.

Sro Kreuz je la fino esprimis la dankon al la gastama urbo Frankfurt kaj al la ĉeestantaj reprezentantoj de urbo, komerca ĉambro kaj korporacioj, kiuj pacience sekvis ĉiujn traktadojn de la konferenco kaj povis ankaŭ konvinkiĝi pri la utileco de Esperanto. Post multe aplaŭdita korega danko de Prof. Rakuŝa — Maribor al sro Kreuz — Ĝenevo, la moviga motoro de la konferenco, pro lia talenta tradukado per improvizo eĉ de la malfacilaj teknikaj temoj, la konferenco estis fermita.

La postan tagon (merkredo 3. 4.) la konferencanoj laŭ oficiala invito ĝuis la gastemecon de la urbo Wiesbaden kun memorinde afabla akcepto de la aŭtoritatoj, komuna tagmanĝo, koncerto en la Kuracdomo, promenado ktp.

Kiel preskaŭ ĉiujare ankaŭ je la nunjara pasko la esperantistoj havis eblecon ĉeesti internacian konferencon, en kiu Esperanto estis iamaniere uzata. Neniel ni havos tro ofte la okazon montri per taŭga demonstracio la praktikan aplikeblecon de Esperanto por celoj de scienco, komerco, tekniko ktp.

La konferenco en Frankfurt estis tia okazo kaj kiel ni povis aŭdi de partoprenintoj ne-esperantistoj, unika pruvo denova, ke Esperanto estas perfekta instrumento por internaciaj konferencoj.

Ne estas nura laŭdo esperantista la konstato pri la uzebleco de Esperanto. Fakto estas, ke tia aplikado de Esperanto estas esperiga kontribuo al racia organizo de internaciaj kongresoj kaj konferencoj en estonto. Sendube unu el niaj vojoj de l' sukceso estas tia uzado de Esperanto. Konkludo estas : **Ni zorgu posedi grandan nombron da perfektaj tradukantoj diverslingvaj por montri la superecon de nia nova "konferenc-tekniko".**

(Partopreninto)

---

# Esperantistaj problemoj

## VI.

## La propagandiloj

Disvastigi novan ideon kaj grupigi anaron batalantan, necesigas rimedojn tiom materiajn kiom spiritajn. La lingvo internacia, en la praktiko reprezentita per Esperanto, kreis movadon el la modestaj moneroj de la laboranta klaso. Malmultaj riĉuloj donis konsiderindajn sumojn, ni diru centmilojn ne parolante pri milionoj. La manko de gravaj financaj rimedoj por kvazaŭ devigi la homojn akcepti nian idealon, esprimiĝis ankaŭ en la spirita materialo, kiun ni uzis por argumenti. Certa progreso jam konstatiĝas kaj estus utile atenti pri plia plibonigo de nia spirita arsenalo. Ni komprenas sub tio la presitajn dokumentojn por varbi novajn adeptojn aŭ impresi gravan personon gajnotan al nia afero. La plej konataj estas la folioj, kiuj rakontas la problemon de la internacia lingvo komencante ĉe la biblia epoko kaj citante al ni aron da eminentaj viroj ĉiutempaj kiel atestantojn por la ideo, kiun ni defendas.

La nomoj de Descartes, Leibniz, Tolstoj, Max Müller, Naville, kaj aro da aliaj eminentuloj retroviĝas kun emociiga fideleco sur preskaŭ ĉiuj traktaĵoj, kiujn ni uzas. Tio estis bona dum tempo, kiam mankis la praktiko de la lingvo, kiam ne ekzistis io videbla, mallonge kiam ne ekzistis tio, kion ni iom trograndige nomas « Popolo Esperantista ». Kiu el vi scias ion pri Max Müller, konata antaŭ 40-50 jaroj kiel sanskritisto ? Li aprobis la ideon de lingvo internacia *ĝenerale*, sed neniam lernis Esperanton. Superflua estas hodiaŭ la cito de praepokaj scienculoj, aprobintaj la ideon, ĉar same facile oni kunigos pli grandan nomaron de eĉ pli eminentaj homoj, kiuj *malaprobis* ĝin. Alia speco de folioj, jam pli praktikaj estis tiuj destinitaj al certa klaso aŭ profesio. Estas tiaj folioj kiel « Esperanto kaj la komercisto », Esperanto kaj la studento k.t.p. Tiajn oni eldonis germanlingve kaj ili tre utilis en sia tempo. La perletera varbado trovis helpon en la tiel nomataj ŝlosiloj, libretoj malgrandaj kiujn eldonis Herbert A. Höveler (Ĉefeĉ) en London kaj kiujn renovigis kaj reeldonigas la Internacia Centra Komitato. Tiuj propagandiloj ja estas taŭgaj por ĉiam, ĉar estas fakte lernilo kaj ekzistas esperantistoj kiuj per tia ŝlosilo lernis la lingvon ĝis certa grado.

Kio mankas al ni, estas nacilingvaj folioj bone presitaj kaj citantaj nur faktojn. Tro malmulte ni atentigas la publikon pri tio, ke ekzistas fakte hodiaŭ miloj da homoj kiuj konstante uzas Esperanton ne kiel sian ĉefan sed kiel plej amatan lingvon. Kiom da servoj plenumiĝas dank' al Esperanto kaj ĝia organizado, kiom da faciligoj ĝi jam donas tion ni devas rakonti. Forlasu la citon de eminentuloj kiuj ne plu vivas ;

forlasu la ateston de ia gravulo, kiu tamen ne lernis la lingvon.

Forlasu la informon ke tiu aŭ alia organizaĵo voĉdonis favore de la internacia lingvo, ke la Porpaca kongreso rezoluciis la 24an fojon favore de la enkonduko de Esperanto. Forlasu fine la ideon ke internacia lingvo servos al ĉiuj.

Sed :

Citu la eblecon ricevi informojn, servojn, rilatojn k. t. p. per la organizo de Esperanto, t.e. per la Delegitoj de Universala Esperanto-Asocio.

Citu kiu grava instituto *uzas*, ne *uzis* nian lingvon kaj la servaron.

Citu la lastajn kongresojn kiuj uzis la lingvon en la diskutoj aŭ havis specialan kunvenon de esp. kongresanoj samfakaj.

Atentigu pri la nerektaj rekonoj de la lingvo en telegrafio, la uzado ĉe gravaj institutoj internaciaj, la ĉiujara kongresado de la Esperantistoj; uzu dankesprimojn pri faritaj servoj kiel tiaj estas presataj en « Esperanto »; tion la materialista mondo ŝatas, avantaĝo, profito, faciligo, helpo en rilatoj

Resume : Faktojn, faktojn kaj faktojn.

Malfacila estas realigo de tiu plano. Ĝi antaŭvidas rimedojn kiujn modesta societo nacia ne disponas. Ankaŭ malhelpas la manko de racio en nia movado. Anstataŭ kunigi la jam nesufiĉajn erojn, la aktivuloj disigas ofte tion, kion oni havas. Necesas raciigo kaj normaligo.

U E A intencas prepari modelon de tia nova propagandilo, bele kaj arte presota en nacia lingvo kaj grandkvante. Ĝi enhavos tiajn faktojn, se eble dokumentojn reproduktotajn, skizon de la maniero sin servi de Esperanto kaj de ĝia organizo, formulo de aliĝilo kun indiko de adreso en la koncerna lando. Sur la aliĝilo, presebla aparte kaj laŭlande ankaŭ informo pri la enlanda movado, la ebleco renkonti samideanojn enlandajn k.t.p. Entute simpla praktika alloga presaĵo. Naciaj societoj kiuj interesiĝas pri la plano kaj kiuj deziras partopreni la eldonon bonvolu skribi al ni.

H. J.



## Kongresa Kalendaro 1929

Aŭstralia : Perth. — Oktobro 8-14 ;
Belga : Gent-Gand. — Majo 18-20 ;
Brita : Canterbury. — Majo 18-20 ;
Bulgara : Sofia. — Majo 10-12 ;
Dana : Holbâck. — Majo 19-20 ;
Finnlanda : Helsinki. — Marto 31 ;
Franca : Nancy. — Majo 18-20 ;
Germana : Frankfurt-a-M. — Marto 29-31 ;
Hispana : Oviedo. — Sept-bro 14-18 ;
Itala : Udine. — Julio 28-30 ;
Katolika : Praha. — Aŭg. 11-15 ;
Pola : Poznân. — Julio 29-30 ;
Sennacia : Leipzig. — Aŭg. 4-10 ;
Sveda : Upsala. — Majo 18-20 ;
Svisa : Zŭrich. — Sept. aŭ Oktobro ;
Universala : Budapest. — Aŭg. 2-9 ;
(Antaŭkongreso : Wien. — Julio 30-2 Aŭg ;
Postkongreso :) Praha. — Aŭg. 9-11.

14-*a Itala Esperanto-Kongreso.*
*Udine,* 28-*a ĝis* 30-*a de Julio* 1929.

La 14-a itala nacia kongreso okazos en Udine fine de l' venonta Julio.

La kongresurbo, ĉefloko de Friullando, fariĝis dum la mondmilito » ĉefurbo de la milito itala « kaj estas sufiĉe artplena kaj vizitinda.

Aliĝo al la Kongreso flanke de fremduloj ĝoje akceptata. Kongreskarto kostas it. Liroj 25. — Sigelmarkoj, eldonitaj okaze de l' Kongreso kostas, po 100, itl. Liroj 3.- sendotaj al la suba adreso.

Sendoj de esperantaĵoj por la Kongresa Ekspozicio kaj de salutleteroj, varme dezirataj.

Por ĉiu informo sin turni al

*Gruppo Esperantista Udinese,* Via Beato O. da Pordenone, 1, *Udine* (Italujo).

## *En kelkaj linioj...*

*** La 14, 15 kaj 16an de Septembro 1929 estos organizota en la urbo Kortrijk (Courtrai) grava internacia ekspozicio ĝardenkultura, kiu ampleksos la urban teatron, la komercan borson kaj ĉirkaŭaĵon.

Ĉiuj sciigoj haveblaj ĉe S-ro J. CALLENS, groote markt I Kortrijk. Belgujo.

Ankaŭ glumarkoj kun esperanta teksto estas jam eldonitaj. Mendu ilin ĉe la sama adreso. La kvanto de la demandoj atestos pri la disvastigo de nia lingvo.

La Kortreika regiono estas tre interesa kaj alloga ; ĝi nombras multe da samideanoj kaj al vizitontoj de Belgujo ni rekomendas ĝin nepre viziti.

## Universala Esperanto - Asocio




Centra Oficejo:

12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis

**Oficiala Informilo**

Administra jaro 1929. N-ro 7. Majo 1929

---

*Kontrolo de la Bilanco* 1928. — Pro manko de tempo, la kutima kontrolo de la bilanco povis okazi nur je la sesa de Aprilo. Kontrolis la librojn kaj ekzamenis detalojn, Sinjoro Camille Rogister, Banka ĉeflibrotenisto, en ĉeesto de la loka komisionano de UEA, Sinjoro Paul Bouvier. La kontrolintoj konfirmis la ekzamenon jene :

« Ni ekzamenis la librojn kaj la diversajn ciferojn de la bilanco, aŭdinte la klarigojn de la librotenistino kaj de la Direktoro. Ni plezure konstatas la bonan ordon kaj la ekzaktecon de la fina bilanco kaj de la librotenado ĝenerale. Ni povas rekomendi al la Komitato de UEA la aprobon de la jara bilanco por 1928 kun danko por la sindona laboro ».

Ĝenevo, 6an de Aprilo 1929.

Paul BOUVIER. — Camille ROGISTER.

**Stato de UEA.** — Je la fino de Aprilo 1929, la Centra Oficejo enskribis 7095 kotizojn. Je la sama tempo 1928 oni enskribis 7173 kotizojn. Laŭ la kategorio estas : (1929) 26 Helpmembroj, 1894 Membroj, 4828 Membro-Abonantoj kaj 347 Subtenantoj sume 7095. Krom tio estas 187 Dumvivaj kaj 21 Honoraj Membroj, tiel ke la stato de la membraro estas : 7303.

*Malfruiĝo de la gazeto.* — Ni informas niajn abonantojn, ke pro striko en la presejo la lasta numero kiu estis prespreta je la 5a de Aprilo, povis eliri nur inter la 24a kaj 26a de la sama monato.

*Jarlibro* 1929. — Ĝi estos preta ĝis fino de la nuna monato kaj eliros meze de Junio. Ĝi estos sendota al ĉiuj anoj kies kotizo atingis la C. O. ĝis fino de Majo 1929. La ekspedo okazas rekte el la presloko Magdeburg sub kontrolo de la loka Delegito.

*Grafikoj-statistikoj.* — La Centra Oficejo deziras pretigi grafikojn pri nia movado laŭ detaloj jam fiksitaj. Eventuale tiuj grafikoj povas esti akompanataj de desegnoj laŭ moderna maniero. Tiuj dokumentoj farotaj je pluraj ekzempleroj servos al modelaj ekspozicioj, kiujn UEA disponigas laŭ fiksota plano al interesitaj Societoj, aŭ al teritorioj de UEA, pere de la ĉefdelegitoj. Ni petas personojn kiuj estas kapablaj sin okupi pri tio, anonci sin al ni kun indiko de postuloj kaj detaloj.

*Prokrasto.* — Sekve de l' striko ankaŭ tiu-ĉi numero eliras pli malfrue, ŝuldata al manko de sperto de nova kompostisto. La listo de Delegitoj aperos en la venonta numero.

Genève, 25a Aprilo 1929.

Hans JAKOB, Direktoro de UEA.

## Esperanta Radio Programo




de la Komisiono por Radio-Statistiko, Komisiita de I.C.K. Kunmetita de J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben N-L., Germ.

*La tempo estas tiu de Meza Eŭropo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua.

*Mallongigoj :* K = Elementa kurso (komencantoj). Kp. = Kurso por progresintoj. — N : = Novaĵoj. — P = Programo de la venonza semajno. Par. : = Parolado, parolanto.

Bonvolu kontroli laŭ la programo komunikita de la sendstacio.

DIMANĈO

00:.5. — Langenberg, 462,2 m. Aachen, Köln, Münster. — PK. — 30 min.
12.00. — *Minsk*, 946,6 m. — K. — 30 min.
19.00. — *Ĥarkov*, 1.680 m. — Par. — Filippov. — 45 min. Propaganda parolado por eksterlando.

LUNDO

20.20. — *Lille*, P.T.T., Nord. — 247,5 m. — NK. — 5 min.

MARDO

19.50. — *Minsk*, 949,6 m. — P. — 30 min. — Dim. Snejko.

MERKREDO

19.30. — *Oslo*, 496,7 m. — Hamar, Fredrikstad, Rjukan, Porsgrund, Notodden. — 30 min. — K.

JAUDO

20.00. — *Alpes-Grenoble*, 429 m. — K. — 15 min.
20.00. — *Paris* P.T.T., 449,1 m. — K. — 15 min.
20.30. — *Lyon-la-Doua*, 476 m. — K.
21.00. — *Odessa*, 925 m. — 40 m. — K. — 25 min.

VENDREDO

18.00. — *Ĥarkov*, 1.680 m. — K. — 30 min.
18.05. — *Leipzig*, 361,9 m. — Dresden. — P. — Prof. D-ro Dietterle. Laboro kaj ideoj de D-ro Zamenhof. — 15 min. — Ĉium 2an V.
18.50. — *Zürich*, 489,4 m. — Par. — 10 min. ĵiun duan vendredon.
19.50. — *Stuttgart*, 374,1 m. ; Freiburg. — P. — 10 min.
20.35. — *Genève*, 760 m. — KN. — 10 min.
22.10. — *Uddevalla*. — K. — 30 min.
22.45. — *Leningrad*. — 1.000 m. — N. — 15 min.

SABATO

18.20. — *Breslau*, 321,2 m. *Gleiwitz*, 324,6 m. — P. — 10 min.
19.00. — *Königsberg*, 280,4 m. ; *Danzig*, 455,9 m. — P. — 5 min.
19.00. — *Frankfurt*, 421,3 m. ; *Kassel*. — Kp., K. — 15 min.
22.15. — *Bruselo*, 508,5 m. — 5 min.
20.15. — *Lyon-la-Doua*, 476 m. — P. — 5 min.
22.15. — *Leningrad*, 1.000 m. — P. — 15 min.

SENREGULAJ DISSENDOJ

*Nürnberg*, 249,9 m. München, Augsburg, Kaiserslautern. — Kp. — Par : pri diversaj temoj ĉiun dekan tagon, plej ofte lunde aŭ jaŭde, 19.00 h. — Par : A. Starke. — 30 min.

*Alvoko.* — Radio-amikoj petu la stacion de Budapest ke ĝi dissendu informojn kaj aranĝojn de la kongreso. — Adreso : Hungara Radio A.S. Budapest VIII, Főherceg Sandor utca 7.

*Esperanto-Radio-Programo*, aperas nun kiel speciala represo el Heroldo de Esperanto. Ĝi enhavas la dissendojn en Esperanto kaj aliajn gravajn informojn el la radio-sfero. Ĝi aperas en tri diversaj eldonoj. 1. Plena. 2. Propaganda. 3. Semajna. Interesuloj bonvolu sin turni al la redaktoro de tiu-ĉi rubriko.

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis infirmon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

*S-ino Johanna Reuter*, Vicdelegitino de UEA en Falkenstein i.V. Germanujo, kunfondintino de la loka grupo, instruistino. Instruis ankaŭ Esperanton en la lernejo de Falkenstein kie ĝi estas deviga fako. Meritplena kaj sindona samideanino. Ŝi mortis komence de Aprilo sekve de operacio.

*S-ro Antti Rahkola*, Fabrikisto en Vaasa, ano de UEA 27491, post longa malsano. Malgraŭ malsano li ĉiam klopodis por nia afero. Lia hejmo estis kunvenejo de la loka societo, kiu perdis en li fervoran amikon.

*S-ro Fr. Podloučka*, landa supera kalkulkonsilanto, longjara UEA-ano kaj Delegito en Brno, Moravio, ĈSR, 3 Aprilo. Li estis malnova kaj fervora esperantisto, kiu grandan parton de sia libera tempo oferis al nia kara lingvo. Fariĝinte 1905 esperantisto, do dum tempo malfavora al nia lingvo, li komencis persistan kaj seninterrompan propagandon precipe inter la germanoj de la urbo. Senlaca propagando detala, de homo al homo, propagando pergazeta. ebligis al li pli ol 25 kursojn, kiujn li gvidis kun eksterordinara pedagogia lerteco. Volonte rememoras liaj estintaj kursanoj la gajajn horojn, travivitajn en la kursoj, agrablaj per liaj bonhumoraj ŝercoj. Kiam ĈSR komencis oficiale ekzameni Esperanton kiel instrufakon, li fariĝis per dekreto de ministerio por instruo kaj popolklerigo ekzamenanto-ne li la unua, ĉar kiel la unuan ekzamenanton li modeste proponis sian estintan kursanon. Kiel vera esperantisto li ne partoprenis la nacian malamon. Ĉu germana, ĉu ĉeĥa esperantista kunveno, ĉiujn li ĉeestis kaj esperantistoj de ambaŭ nacioj egale funebros pri la aminda mortinto. Pacon al la semanto de l'paco. Honoron al lia memoro.

*F-ino Mici Blank*, Anino de la grupo en Alba-Julia, Déc. 1928.

*S-ro J.W. Breadhead*, Membro de la grupo en Accrington, Anglujo malnova kaj fidela samideano, 31.3.29.

---

*S-ro Karpathy*, patro de nia ano Adalberto Karpathy en Arad Ruman.

*S-ro Henry H. Parrish*, Los Angelès, Cal., 86 jaraĝa, patro de S-ro Donald E. Parrish, Nacia Sekretario de UEA en Usono. 5. IV.29

*S-ro Theodor Blazek*, patro de la Delegito de UEA en Mnichovo Hradiŝte, Ĉeĥoslovakio, S-ro Zd. A. Blazek.

*S-ro Andrea Stankov*, patro de la D en Petriĉ, Georgi Andreev.

*Sinceran kunsenton !*

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Amsterdam.* — S-ro N.A. Zilver, Damrak 95, PM, ekskluzive mezeŭropajn malakceptas bagatelaĵojn.

*Arad* (Rumanio). — S-ro Ludoviko Szilagyi, PM. kun ĉiuj eŭropaj landoj sed kun Germanio, Aŭstrio kaj Ĉeĥoslovakio nur laŭ manklisto, Michel aŭ Yvert. Certe respondos.

*Arad.* — S-ro Julio Magyeri, Bulevar Reg. Maria 12, PI., L., kun sudamerikanoj, precipe el Argentino, resp. Buenos-Aires. Nepre respondas.

*Bad Tölz* (German. Bayern). — S-ro Josef Bauer, T.L.O., Direktoro, por sekcio ruĝa kruco, Marktstrasse 33-2, PI., ankaŭ kun membroj de la Ruĝa Kruco ĉ. 1. Petas sendi bildojn, fot-aĵojn. Certe respondos.

*Beograd* (Jugoslavio). — S-ino J. Matekovic, Fotografistino, « Sariĉ Knez Mihajlova 21, PI., L., pri fakaj kaj sociaj temoj.

*Berlin-Wilmersdorf.* — F-ino Marg. Nestmann, Joachim-Friedrichstr. 41 PI. Nepre respondos aplikante flugpoŝtmarkojn.

*Boyd-Minn.* (Usono). — S-ro George Hermanson, L. PI., terkulturo, politiko.

*Antverpeno* (Belgujo). — S-ro Leopold Hazen, Granjestraat 128, aŭtomobilkondukisto, deziras koresp Lon. diP I.kĉl pri ĉiuj temoj.

*Breslau* 3 (German.). — S-ro Friedrich Krause, Holteistrasse 25-11 L., PI., k. ĉ. 1.

*Brüx* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Josej Beller, Teplitzerstrasse 37, PM., PI., L., k. ĉ. 1. kun seriozaj kolektantoj.

*Bucuresti* 1 (Rumanio). — S-ro Josef Schechter, Internacia Agentejo Select, Calea Victoriei, PM., peradas ĉiajn aferojn.

*Budapest VI.* — S-ro Jozsef Benkô, elektroteknikisto, Reiter Ferencz utca 41, L., PI., bfl. (ne PM.)

*Catania* (Italjo). — Vittorio Verdura, Via Firenze 38. Interŝanĝas rekomendite PI., PM., por kvanto aŭ por valoro (laŭ Yvert 1929). Certe respondos. Sendos novaĵojn el Italujo, kolonioj kaj ĉl.

*Dêtrichov nad Bystrici* (Ĉekoslovakio). — S-ro Jindrich Helekal, poŝtestro, PM., kun seriozaj kolektantoj. Ĉiam respondas.

*Desna apud Tanvald* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jan Riha, PI., kun ekstereŭropanoj.

*Genova* (Italujo). — S-ro Enrico Bocciardo, Corso Torino 28-11, kun filatelistoj en Eŭropo, Azio, Afriko, Ameriko kaj Oceanio pri interŝanĝo de Eŭropa PM.

*Hamburg.* — S-ro H. Leipelt, Kônigstrasse 46, PI., L., kun f-inoj.

*Hateg* (Rumanio). — S-ro Hermano Goldstein, str. Santamariei 17, Hunedoara L., PI., PM., k. ĉ. 1.

*Hateg* (Rumanio). — S-ro Emeriko Goldstein, Sindicatul, Jud. Hunedoara, L., PI., PM., k. ĉ. 1.

*Hateg.* (Rum. jud. Hunedoara). — S-ro Jozefo Jakab bankoficisto, Banca Industrialà si Comerciala, L., PI., Pk., PM., kĉl.

*Hateg* (Rum. jud. Hunedoara). — S-ro Eugeno Felsner, Banca Industriala di Comercialà, bankoficisto, L. PI., PM., kĉl., volonte kun anglaj gesamideanoj por perfektiĝi en tiu ĉi lingvo.

*Hirschberg* (German., Schlesien). — S-ro August Bartsch, Hellerstrasse 8, PI., bfl., fot-aĵoj. kĉl.
*Hirschberg* (German. Schlesien). — S-ro Walter Reinhardt, Bismarckstr. 2, PI., bfl., fot-aĵoj, kĉl.
*Hradec Králové* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Karel Starek kaj kolegoj Pospiŝilova 528 PM., PI., fotoj ĉiam respondas.
*Jägerndorf* (Ĉeĥoslovakio). — Nia grupo aranĝos unuan merkredon de Junio letervesperon, 5an de Junio — L., PI., kĉl. Esperanto-Grupo, Stadtcafé.
*Jicin* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Frant. Volek PI., bfl. Fotoj PM., L., Barakova 205. Tuj nepre respondas.
*Jicin* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Vojta Veverka PM., PI., Gaz. kĉl., espe., ĉeĥe, germ. Jiraskova 12.
*Kalugerovo-Pazarĝik* (Bulgario). — S-ro Petr. Atanasov, instruisto L., PK., pri div. tempoj kĉl.
*Kyoto* (Japanio). — S-ro D-ro Junichi Nakagawa, Minamigoshocha 7, Okazaki, PM., kun Fidindaj filatelistoj.
*Konecchlumi u Jicina* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Frantiŝek Kousal, ĝend. ĉefserĝ PI., PM., kĉl. Kĉ. 6.— ciam tuj respondas.
*Leningrado* 11. — S-ro S. D. Ivanov, Ul. 3 Julia, 15 kv. 42. PI., bfl., L., kun ekstereŭpopanoj ankaŭ kun samideanoj el ĉefurboj de Eŭropaj landoj.
*Lier* (Belgujo). — F-ino Georgette Baeten, 17jara, deziras kor. kun junaj geesperantistoj per PI., kĉl. Ne kolektas PM. — Antwerpschestraat 15.
*Louky nad Olzou* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Pavel Bartulec 232. Tesinské Slezsko PI., PM., kĉl.
*Middle Park* (Aŭstralio, Victoria). — F-ino Lily Warner, 152 Page Street, S. C. 6, 22 jara, L., PI., kun aliaj f-inoj ĉ.l.
*Moskvo.* — S-ro Nikolai N. Schachkin, Poste Restante, Potschamt, Miasnickaja 26 A., PI., L., PK., kun respondo, ne stampitaj PM., Gaz., esp. anglajn kaj aliajn sciencajn ; Fot-aĵoj. radio.
*New York City.* — S-ro Pedro S. Epifanovich, Box 47 International House, 500 Riverside Drive, PK., L., Fo-aĵojn, gaz. ilustr.
*Novy Bydzov-Zechovice* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Alois Fink PI., PM., kĉl., ĉiam tuj respondas PM., nedifektataj kvanto por kvanto, valoraj laŭ Michel.
*Orlová III* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Georgo Neklapil, L, PI, ankaŭ en germana lingvo, kĉl. Respondo garantiata.
*Piotrkow Tryb* (Polujo). — S-ro K. Trzcinski, antaŭe en Balakovo Rus., serĉas antaŭmilitajn geamikojn.
*Plzen* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Eduard Hage, instruisto Borská 15. PM, div. pli ol 100, rekomp. samkvanta kaj samvalora.
*Praha-III.* — S-ro F. Hanuŝ Hroznová 8. PI, PM, espe, germ. kĉl.
*Rétsag* (Hungar.). — F-ino Ilona Kernvajszky, Kir. Kôzjagyzoség L, PI, pri ĉiuj temoj precipe pri literaturo.
*Sarajevo* (Jugoslavujo). — S-ro Adburahman Zejeireviĉ, trg. pomoĉnik, Baŝĉarŝija 41-43, PI, L, kĉl.
*Selo Doganovo Konare.* — Tatar Pazarĝik (Bulgar'). S-ro Stefan Lukov, instruisto, L, PI, kĉl.
*Selo Saladinovo-Tatar Pazarĝik* (Bulgar.). — S-ro Ivan H. Stojanov, agrikulturisto, L, PI, kĉl.
*Slonim* (Polujo). — S-ro Jan Tyrko, Plac Handlowy 6, instruisto, L, PI, PM, fot-aĵoj, florsemoj, muziknotoj, papermonon, kĉl. Ĉiam respondas.
*Slonava* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Emilo Chudoba, L, PI, bfl, PM, esp-aĵojn. Neakceptas PI kiuj ne estas afrankitaj bfl.
*Tatar Pazarĝik* (Bulgarujo). — S-ro Petar Konstantinov, zavoja na ĉerna 27, L, PI, kĉl, fot-aĵo.
*Teius* 2 (Rumanujo). — S-ro E. Molnár. PM, sen katalogo, donas vidaĵojn por PM.
*Trebic-Horka* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jan Hauer, Hanelova str. 107, PI, Ĉiam respondas.
*Untertürkheim* (German. Württemberg). — S-ro Karlo Schwander, Mercedesstrasse 24, gaz. ilustritajn kontraŭ PM Interŝanĝas ankaŭ PM.
*Valencia* (Hispanujo). — S-ro Manel Monléon, artpentristo, Tosalet 8, L, PI kun eksterlandaj artpentristoj.
*Vitry-sur-Seine* (Francujo). — S-ro Félix Buisson, tipografo, 12, rue du Rù-Grand, PM Yvert. Nepre respondas.
*Wels* (Aŭstrio). — S-ro Karl Franz, Sparkasse, PI, L, por koresponda klubo « Laboro ». Respondo garantiata.
*Wien* (Aŭstrio). — F-ino Franci Engel, V. Kliebergasse 3/14, PM, kun Irlando Latvio, Estonio, Litovio kaj Albanio. Ne sendas unue.
*Wien V.* — S-ro Georg Maier, Zentagasse 1-1-1 Stiege 35, PI, bfl, PM, gaz. fot-aĵoj, kĉl. Nepre respondas.
*Windsor S. I.* (Aŭstrilio, Vic.). — S-ro Irvine Macartnez, 43 Albert street 25 jara fotografisto, L, PI, kĉl, precipe kun Francujo.
*Zaragoza* (Hispanujo). — S-ro Francisco Bàguena, Universidad 6, studento de filozofio kaj historiaj sciencoj, L, PI, kĉl, Nepre respondos.

---

# PETOJ KAJ PROPONOJ

## INTERNACIA KOMERCO

*Alvoko.* — La korbato de l ' mondo — Der Herzschlag der Welt estas propaciga filmo de la filmproduktejo « Metro-Goldwyn-Mayer. Por celoj de la porpaca propagando mi petas treege ĉiujn gesamideanojn de ĉiu lando ke vi sciigu al mi la lokon, la tempon kaj eble ankaŭ la teatron, kie oni ludis la filmon kaj eble ankaŭ transsendi la anoncojn en la gazetoj pri la filmo. La ĉefpersonoj en la filmo estas : Ralph Forbes, Fred Niblo, Lilian Gish. Adreso: Joachim Raabe, Postplatz 14-15, Gôrlitz, Germanujo.

---

*Astrologo hinda.* — Faras horoskopojn, Prezo 10 Belga (50 belgajn fr.). Korespondas en Esperanto, France, Germane kaj Angle. Naujee Sindhwad, 307 Bd. Du Strop, Gent, Belgujo.

---

*Eldonistoj.* — Ĉiuj eldonantoj de Esperantaj libroj estas petataj sendi dek prezlistojn, prospektojn aŭ katalogojn de tiaj libroj al — National Secretary, Universala Esperanto-Association, 109 Buffalo N. Y. Usono.

---

« *Esperanto* » *UEA.* — 1915/11., 1916/3, 4, 6, 7, 8, 9, 10, 11, 12 kun enhavtabelo, 1920/1, 2, 3, enhavtabelo, 1921/2 serĉas s-ro Alexander Weisz, del. UEA, c/o Steiner et Lôwy, Banská Bystrica, Ĉeĥoslovakio kontraŭ repago.

*Fianĉiĝo.* — Fraŭlo Paolo Bossi, 36 jara, diplomita Komisiisto deziras serioze interŝanĝi leterojn kun fotografaĵoj, kun itala aŭ eksterlanda fraŭlino, por eventuala edziĝo. Samtempe bonvolu diri al mi vian aĝon, Mi naskiĝis 26.6.1893. Mi atendas nur korespondaĵon de komerca oficistino, komerce instruite fraŭlino aŭ kun komerca laboristino. Akurate per fermita letero mi certigas la respondon. Mia bildo jam estis presita en « Heroldo de Esperanto », 500a numero — Oni skribu Paolo al Bossi, Delegito de UEA, Corso San Martino 5, Abbiategrasso, Italujo. E.

*Gramofondiskoj.* — Novaj gramofondiskoj en Esperanto eble la plej bonaj ĝis nun fabrikitaj. Aranĝitaj de Profesoro Findlay kaj eldonitaj de la Gregg Publishing Co. Ltd. Ne tro multekostaj. Petu senpagan prospekton ĉe la solaj agentoj, British Esperanto-Association 142 High Holborn, London W.C. 1. Anglujo.

*Hejmsludantoj,* de ĉiuj sciencoj, volu sendi vian adreson al S-ro Walter Hoppe, Zimmerstrasse 117, Oppeln German., por internacia kooperado.

*Interŝanĝistoj !* — S-ro Friedrich Marzellin deziras vidaĵkartojn de la tuta mondo kaj sendas fotojn de siaj voiaĝoj. Nepre kaj tuj respondas ! Breitenau, Silezio, Ĉeĥoslovakujo.

*Modernaj labor-lernejoj !* — Pri moderna laborlernejo korespondas kaj interŝanĝas pedagogiajn gazetojn kun rusaj, polaj kaj bulgaraj instruistoj s-ro A. Valoušek, instruisto, Brno-Krȧlovo Pole Tyrŝova 19., Ĉeĥoslovakio.

*Monon perlabori* per Esperanto povas ĉiu korespondanto de Continental-Vojaĝoficejo de samideano H. J. Hoen, Postfach 255 Kôln am Rhein. Detalan prospekton mi dissendas al petontoj nur post ricevo de respondkupono.

# Por la Paco de la Mondo

**Komuna lingvo kun komuna plano — La Unismo — por starigi kunagadon politikan kaj industrian en — kaj eksterlande.**

Loĝantoj sennombraj en ĉiuj landoj sincere deziras efektivigi mondpacon sed ne povas sukcesi ĝis kiam la necesa plimulto da ili konsentas pri ia simpla kaj difinita plano por kunagado.

Oni ja devas kompreni ke terura danĝero ekzistas pro tio ke la multaj bonintencaj sed nesimilaj reformplanoj konfuzigas la popolojn kaj sekve malhelpas ko-operon. Sendube estas komuna lingvo plenvalora sed komuna ekonomia plano estas ankaŭ nediskutebla bezono. Tia plano devas esti aplikebla al ambaŭ politika kaj industria vivado en ĉiu individua lando kaj ankaŭ al interlandaj rilatoj. Estas sensencaĵo atendi internacian pacon dum disputegas inter si samlandanoj.

Tial » La Federacio de la Mondo « disvastigas taŭgan planon por enlanda kaj eksterlanda kunagado pretan je la tempo kiam industria baraktado kaj milita batalado instigos la popolojn kunagi por memkonservo. Mondvasta unueco dependas de tri principoj :

La libereco kaj la kunagado ĉe parlamento : je industrio kaj komerco : kaj pri esprimado de opinioj diversaj.

1) Ĉiaj politikaj grupoj rajtu plene kaj juste esprimi sin parlamente per proporcia reprezentado. Tiel estas elektebla reprezentema aŭtoritato por decidi politikojn per voĉdonado de vera plimulto. Ĉiu parlamento daŭru je tri jaroj kaj elektu laŭnombre proporcie el ĉiuj partioj anojn por partopreni la respondecon de registara administracio. Per referenduma maŝinaro estos atingebla popola deziro pri aferoj gravaj sen la konfuziga neceso elekti samtempe parlamentajn ĉiajn.

2) Kiam financaj malfacilaĵoj, industria neaktiveco kaj komerca malprospero kaŭzos multe da senlaboremeco kun malsato, tiam la komunumo devu protekti sin kontraŭ perforta revolucia aktiveco de la parto de tiuj kiuj netolereme suferas. Ĉe tiuj cirkonstancoj nia plano de « la Unismo » por harmoniigi la metodojn de la individualistoj kaj de la socialistoj fariĝas utilega. La unuaj kredas ke privatuloj devus posedi kaj kontroli la tutan maŝinaron produktivan kaj distribuan. Kontraŭe la aliaj penas starigi kontrolon iamaniere komunuman.

Por revivigi la produktadon kaj por plifaciligi la distribuadon la Unismo liveras kompromison kiel plano por gvidi la popolojn kaj la ko-operativan regnestraron : —

*a*) Permesu ke privataj individuoj kaj grupoj — laŭ propraj elektoj — organizu ĉiajn utile produktivajn industriojn aŭ kampare aŭ urbe. Insistu ke la konservado, la transportado kaj la vendado de nutraĵoj, de ĉiutagaj necesaĵoj kaj de materialoj krudaj estu organizataj laŭ la metodoj de Hoover kaj de la ko-operativaj movadoj : Per stariĝo de tia publika sistemo de distribuado evitiĝos multe da malŝparo. Oni povos aĉeti pli malmultekoste kaj samtempe tiuj, kiuj ne povos pagi ricevos sufiĉe da nutraĵoj kaj da necesaĵoj ĝis kiam la laboro estos je ilia dispono. Laŭ nacia vidpunkto oni povas per nutraĵo kontraŭbatali revolucion. Laŭ internacia vidpunkto tia scienca sistemo ĉe ĉiu nacio ebligas ko-operan komercon inter ĉiuj landoj kaj tiel forigas la ĉefan kaŭzon de militoj.

3) Per tute demokratigita parlamento kun libereco paroli kaj ankaŭ kun ko-operativa administracio estos pli facila afero ke ĉiaj planoj pri la tero, la financo, la eduko, industriaj rilatoj, eksterlandaj demandoj, k.t.p. estu plene diskutataj ĝis kiam oni decidos pri taŭgaj politikoj. Tiel la Unismo servos kiel enkondukilo je aliaj reformoj kaj havas la rajton insisti ke » La reformistoj de la mondo-unuiĝu ! «. Ĉar eĉ se estas permesate ke ĉiuj pensu, skribu kaj parolu laŭvole, granda publika aktiveco nepre dependos de la konsento de la plimulto pri ia plano de kunagado.

---

Por aliĝi al nia Federacio estas necesa ne monpago — sed nur simpatio aktiva aŭ kvieta. Ĉiuj estas liberaj deĵori laŭ la plano senprokraste. Senpagaj broŝuretoj estas haveblaj ĉe Colin Unwin, P.O. Box 47 (Poŝtkesto 47) Fremantle, Western Australia (Okcidenta Aŭstralio) honora organizanto de...

**“ La Federacio de la Mondo ” (Movado)**



PRESEJO A. GRANCHAMP, ANNEMASSE.